J. RACINE



S. P. E.

# ATHALI'

## Kvinakta tragedio

TRADUKITA DE Dro NOËL

Vic prezidanto de Nancy'a Grupo

*Kun takta teksto de la 'Horoj, alkonformigita al muzikverko de Mendelssohn*

MANUSKRIPTO DE LA AŬTORO



PREZO : 1 FR. 50

**Por propagando de Esperanto**

1906

Al S^ro Louis de Beaufront
L'unua Propagandisto de Esperanto
en Francujo.
Prezidanto de S.f.P.E.

danke, respekte,
kaj amike dediĉis
D^ro Noël.

# Athaljo.

tragedio de Racine.

trad. Dro Noël.

# Personoj.

---

Joaso. Reĝo de gento Judao, filo de Okoziaso.
Athaljo. Vidvino de Joramo, avino de Joaso.
Joado. (alie, Joiado) Ĉefpastro.
Josabeto. Onklino de Joaso, edzino de la Ĉefpastro.
Zakaro. filo de Joado kaj de Josabeto.
Salomito. fratino de Zakaro.
Abnero. unu el ĉefaj oficiroj de Reĝoj de Judao.
Azariaso Smaelo, kaj Tri aliaj estroj inter Pastroj kaj Levidoj.
Matano. Ĉefpastro malfidela, adoranta Baalon.
Nabalo. amiko de Matano.
Agaro. virino en Kortego de Athaljo.

Pastraro - Levidaro.
Kortego de Athaljo
Nutristino de Joaso
Ĥoro, junulinaro de Levogento.

---

La agado havas lokon en Templo de Jerusalemo, ĉe la hejma vestiblo de l' Ĉefpastro.

# Athaljo.

---

## Akto I.

---

### Sceno 1.

*Joado - Abnero -*

Abnero. Jes, venas mi glori, en Templ', Eternulon.
Mi venas, laŭ modo antikva, solena,
Prifesti mem kun vi glortagon, en kiu
Sur monto Sinao, ni leĝon ricevis.
Ve! Tempoj ŝanĝiĝis! Jam, kiam ĉi tagan
Revenon aklamis la pastraj ŝofaroj,
Tuj sankta popolo amase pleniĝis
Vestiblojn de Templ' ornamita belege;
Kaj ĉiuj, laŭ vico, kuniris l'altaron,
Alportis printempajn fruktarojn de kampoj,
Kaj ilin oferis al Di' Plejpotenca!...
Pastrar' tro malmulta por multaj oferoj!...
Senhonta virino haltigis kunvenojn
Malĝojaj ŝi faris la tagojn de ĝojo!..
Malmulte nur da fervoruloj kuraĝas

I. 1.

Al ni memorigi pri tempoj unuaj;
Aliaj ve, Dion prapatran forgesas,
Aŭ eĉ, ĉe l'altaron Baalan alkuras,
Aliĝas por liaj hontigaj misteroj,
Blasfemas al Nom' altestita de Patroj!
Por diri tutveron, mi timas, ke baldaŭ
Athaljo vin mem de l'altar' forprenigos,
Ŝi fine plenumos sur vin revenĝojn.
Kaj tute forĵetos trudintan respekton!...

Joado. Pro kio vi timas nun tian eblaĵon?

Abnero. Vi sankta, vi justa. Ĉu tio, senriska?...
De longe malamas ŝi fortanimecon
Per kiu grandiĝas Joada pastreco.
De longe, pro via fervoro al Dio,
Ŝi nomas vin nur ribelanto malpaca;
Reĝin' plej malamas al via fidela
Edzin' Josabeto, pro ŝia indeco.
Se vi, post Aaro, Joad', vi heredis
Por ĉefa Pastrec', Josabeto naskiĝis
Fratino de l'lasta el niaj Reĝestroj.
Matan', ĉi Matano, ĉi pastr' malpiega,

Athaljon impresas, malbona pli ol ŝi;
Matan', forkuristo de viaj altaroj,
Al kia ajn virto klopode malhelpas;
Al li ne sufiĉas, ke, kvankam Levido,
Kun fremda kapvesto li servas Baalon.
La Templo lin ĝenas; malpia, li volus
Nuligi la Dion, de kiu li paŝis!
Li serĉas vin frapi per ĉiuj rimedoj;
Li foje kompatas vin, ofte eĉ laŭdas;
Li montras por vi sindonemon malveran,
Kaj, per ĝi, kaŝante malbonon de koro,
Li jen al Reĝino vin pentras timinda,
Jen, (ĉar li ŝin vidas al or' dezirega),
Kredigas,: en loko nur de vi konata
Vi kaŝas trezorojn de tempo Davida.
De antaŭ dutage, fiera Athaljo
Vidiĝas profunde malgaja; hieraŭ
Mi ŝin observadis, kaj vidis l'okulojn
Kolere kaj fikse rigardi l'Sanktejon,
Kun timo, ke Dio ĉi tie rezervas
Armitan venĝonton. Min kredu, jes, ju pli:

Mi pensas pri tio, des pli mi ne dubas,
Ke kontraŭ vin ŝi ekspretigas revenĝon,
Kaj ke Jezabela filin' sangavida
Atakos al Di', eĉ en Lia Sanktejo!

Joado
Li kiu haltigas senbridajn marondojn,
Li de malbonuloj haltigas projektojn.
Respekte obea al Sankta Divolo,
Mi timas nur Dion, nur Lin, ho Abnero!
Mi tamen vin dankas pro via fervoro,
Per kiu vi timas pri miaj danĝeroj.
Mi vidas, maljusto intime vin pikas,
Vi havas ankoraŭ hebrean animon.
Ĉielon mi dankas. Sed ĉu vin sufiĉas
Kaŝata koler', malagema volado?
Se kredo ne agas, ĉu estas ĝi vera?
De pli da ok jaroj, virin', fremdulino
Malpia, manmetis sur rajtojn Davidajn,
Senpune sin banas en sango de reĝoj.
Ŝi siajn genepojn senkore mortigis,
Ŝi kontraŭ ĉi Dion perfide sin levas!..
Kaj vi, potenculo en regno tremanta,

Hardita per viro kun sankta Regnestro
Josafo, vi kiu sub lia Reĝido
Joramo komandis l'anarojn, kaj sola
Kredonis konfidon al viaj urbanoj
Malkvietigitaj, dum tago en kiu
Subita mortiĝo de Okoziaso
Disjetis l'anaron pro veno Jehua,
« Mi timas al Dio, - vi diras, - kaj Lia
» Plejvero min tuŝas! » - Jen kion ĉi Dio
Respondas al vi per mi: Kial vi ĉiam
Parolas pri via fervoro al Leĝo?
Ĉu vantaj deziroj, laŭ vi, min honoras?
Ĉu do mi profitas el viaj oferoj?
Por kio sangverŝoj el kaproj, bovidoj?
Ja, sango de Reĝoj venĝkrias.... sen eĥo!
Vi rompu, jes, rompu malpiajn kunligojn,
De mia popolo ekstermu krimulojn,
Nur tiam, vi oferbuĉados bestarojn!

Abnero He, kion mi faros? Popol' sen espero;
Nur gent' Benjameno sen ia forteco,
Kaj gento Judao sen ia poveco!

De kiam finiĝis la raso de l'Reĝoj,
Finiĝis varmec' de l'antikva fervoro.
Kaj ĉiuj ja diras: Eĉ Di' nin forlasis!
„ Honoron Hebrean Li iam prizorgis....
„ Sed nun defalegon ellase li vidas,
„ Kaj Lia Kompato, ĉe l'fino, laciĝis!...
„ Nun oni ne vidas plu Lian Potencon,
„ Sennombrajn miraĵojn finigajn al homoj!
„ Sanktkesto mutiĝis, senorakoliĝis!„
Joado Ĉu iam pli multaj mirakloj aperis?
Ĉu iam pli montris sin dia Potenco?
Ĉu viaj okuloj neniam ekvidos?
Popolo maldanka! Ĉu viaj oreloj
Ne aŭdos? Ĉu via animo ne cedos?
Abner, ĉu mi devas al vi memorigi
Pri mirindegaĵoj nuntempe faritaj?
Tiranoj de gent' Izraela frapitaj,
Kaj Dio puninta laŭ Liaj Minacoj;
Malpia Akab' mortigita, per propra
Sangruĝo kovrante la lokon prenitan
De li per mortigo, kaj, apud fatala

Ĉi lok' Jezabel' mortigita, Reĝino
Sub huf' de ĉevaloj premita, lasante
Al hundoj trinkaĵon da sang' malhumana,
El trusto senforma, el membroj ŝiritaj!
De vantaj profetoj anar' mutigita;
Kaj flam' de Ĉiel' sur l'altaron veninta;
Elio Naturon mem obeiganta;
Ĉieloj fermitaj kaj nepenetreblaj;
Kaj Tero, tri jarojn, sen pluvo, sen roso;
Mortintoj revivaj per voĉ' Elisea!
Rekonu, Abnero, per tiuj brilsignoj,
Nur Dion, Li tia nun, kiel Li ĉiam!
Li scias, laŭ plaĉo, elmontri ŝin gloro,
Pri sia popolo, Li ĉiam memoras.

Abnero. Sed kie l' Honor' al David' promesita,
Pri kiu eĉ aŭdis Reĝido Salomo?
Ho ve! Ni esperis: ĉi sango fruktiga
Produktos sennombran vicegon da Reĝoj;
Sur ĉiujn popolojn, sur ĉiujn naciojn,
Ja, unu el ili starigos potencon,
Ĉesigos por ĉiam malpacon, militon,

Kaj superreĝados Reĝaron de Tero!

Joado Promesis Ĉielo. Ĉu vi senesperus?

Abnero Pri reĝ'.. Davidido?... Sin kien ni serĉus?..
Ĉu povas Ĉiel' ~~mem~~ ripari ruinojn
De arb' sekiĝinta ĝis ĝiaj radikoj?
Athaljo sufokis l'infanon lulatan!
Ĉu do mortintar' post ok jaroj stariĝus
El tombo? Ha, se ŝi... Kolera... erare...
Se sangaguteto de l'Reĝoj.. savita....

Joado Nu! Kion vi farus?

Abnero. Ho tago feliĉa!
Fervore mi kurus min fleksi al Reĝo!
Ĉu vere al li ne rapidus gentuloj?...
Sed, kial min flati per vantaj ideoj?..
Ve, heredantul' de la Reĝoj potencaj
Nur Okozias' al ni restis... kun idoj!...
Mi vidis, Jehuo trapikis la patron!
Vi vidis, la filojn mortigis patrino!

Joado. Mi ne pli klarigos; sed kiam tagastro
Trairos ĉielan trionon de l' kuro,
Kaj horo trifrapa por preĝoj kunvokos,

Revenu en Templon, kun tia fervoro;
Kaj Dio vin montros per gravaj bonfaroj,
Ke Lia Parol' ne ŝanĝiĝas, ne trompas.
Nun iru. Pretiĝos mi por ĉi Beltago...
Tagiĝo heligas jam supron de l'Templo.
Abnero. He, kia bonfaro?.. Mi ĝin ne komprenas?...
Sed jen Josabeto. Ŝi al vi alvenas.
Mi iras for; iras al anoj fidelaj
Venintaj por nuna solena festtago.

Sceno 2

*Joado - Josabeto.*

Joado Ĝustempe, Princino, ni devas sciiĝi
Pri via savito, li ne plu kaŝebla,
Ĉar Dimalamikoj, pro kulpa maltimo,
Profitas nun kontraŭ li tiun silenton.
Lin tro malpraviĝas pri Liaj Promesoj!
Kaj eĉ pli!.. Sukceso grandigas memfidon.
Jen, via maljuna duonpatrino
Sur nia altaro ekvolas prezenti
Ŝi mem, al Baal', idolanajn aromojn!
Nu, montru ni tiun ĉi junan Reĝidon

Savitan de vi, per Dihelpo gardatan
En Templo; de princoj Hebreaj li havos
Kuraĝon, kaj jam li pli saĝa ol aĝa.
Sed antaŭ ol lian indecon sciigi,
Mi mem lin prezentos al Di' reĝiganta
La reĝojn; kunigos mi Pastrojn, Levidojn,
Kaj montros mi l' heredantulon de l' reĝoj.

Josabeto. Ĉu li jam sin konas pri l' nom' kaj l' indeco?

Joado. Li scias alnomon nur „Eliacino".
Li kredas: patrin' lin forlasis infanon
Kaj mi lin alprenis kompate, patrece.

Josabeto. Ve, kian danĝeron mi de li fortiris!
En kian danĝeron denove li falos!

Joado Ho! jam nun, ĉu vi senesperas kaj miras?

Josabeto Al via saĝeco, Sinjor', mi konfidas.
De kiam mi tiris l' infanon el morto,
Mi fidis al vi por elzorg' estonteco;
De mia amego timante fajrecon,
Laŭ povo, mi vivas for de li, por ke mi,
Vidante lin, ia nevola korŝir' ne
Krevigu ploregojn kaj, kune, sekreton.

Precipe, mi kredis necese paŝigi
Kun larmoj kaj preĝoj, tri tagojn, tri noktojn.
Ĉu tamen hodiaŭ mi povus demandi
Pri kiuj amikoj vi pensas por helpo?
Abnero? Ĉu venos ĉi brava gardiu?
Ĉu juris li, ke li aliros al Reĝo?

Joado — Abner', al li kia ajn estas fidiĝo
Ne scias eĉ nun ĉu mi havas reĝidon.

Josabeto — Por gardi Joason, al kiuj vi fidas?
Ĉu Amno, Obed', por honoro deĵoros?
De paĉjo al ili bonaĵoj faritaj....

Joado — Maljusta Athaljo ĉi-ĉiujn delogis!

Josabeto — Sed kiuj do iros rebati soldatojn?

Joado — Ĉu mi jam ne diris?... Pastraro, levidoj,..

Josabeto — Mi scias, vi ilin sekrete kunigis;
Ilian multecon vi zorge grandigis,
Kaj ili vin amas, Athaljon malamas,
Kaj juro solena jam ilin alligas
Al ĉi Davidido... objekt' de sopiroj;
Sed, kiel ajn ili fervoraj sin montras,
Ĉu ili kapablas por venĝi Reĝidon?

Por kiom plenumi ĉu volo suficas?
Vi scias, Atholjo, tuj kiam ŝi aŭdos
Pri filo de Okoziaso ĉi tie
kaŝita, kunigos fierajn fremdulojn,
Siegos la Templon, kaj rompos pordegojn!
Ĉu kontraŭkapablos la sankta pastraro
Scianta nur ĝemi kaj plori pri krimoj...
Verŝinta nur sangon de oferbestar'?.. Ho!..
En brakoj iliaj!.. Joas'!... trapikita!...

Joado: Kaj Di'?.. Ĉu nenio?... Batalas Li por ni!
Ja Dio protektas simplecon de l'orfo,
En lian malforton Li montras Potencon,
Malamas tiranojn. Jam, en Jesraelo,
Li juris por mort' al Akab', Jezabelo,
Li frapis Joramon (ĉi l'edz' de l'filino),
Ĝis filo mem, la familion Li punis,
Li kies venĝego, momente haltinta,
Ne ĉesas minaci al gento malpia!

Josabeto: Precize, sur ĉiuj ĉi Reĝoj severan
Revenĝon de Dio mi timas pri l'filo
De frat' al mi tiel maldolĉe prenita!

Ĉu eble l'infano, pro Krimoj iliaj,
Post ili, ne estis naskiĝe signita?
Ĉu Di' lin esceptos el raŝ' malaminda?
Pro Kaŭzo Davida Li volos indulgi?

Ve! L'stato terura en kiu, mirakle,
Mi prenis lin, ĉiam timigas spiriton!
Je princoj senvivaj la ĉambro pleniĝis!
Ponardon en mano, senkora Athaljo
Antaŭen kunpuŝis kruelajn soldatojn!
Senhalte ŝi frapis, kaj ŝi mortigadis!
Joaso mortsajnis! jen, mi lin ekvidas!
Mi vidas eĉ nun nutristinon tremantan;
Ŝi al mortigantoj alĵetis sin vane;
Malforta lin tenis sur sia mambrusto!
El sang' mi lin prenas. Tuj miaj ploregoj
Banante vizaĝon, lin rekonsciigas.
Ĉu timo ankoraŭ, ĉu por min karesi,
Per brakoj senkulpaj li min ĉirkaŭprenas!...
Grand Di', ne perdigu lin mia amego!
De pia David' ĉi trezoro nur restas!
Nutrita li ĉe Vi, kun am' religia

I.2.

Ne konas ankoraŭ li patron, se ne Vin!
Tuj estos l'atak' al Reĝin' sangavida;
Se antaŭ l'danger' ŝanceliĝas la fido,
Se l'karno, se l'sango, hodiaŭ malfortaj,
Tro multpartoprenas en ploroj, ho, gardu
Ĉi heredantulon de l'Sanktaj Promesoj,
Kaj punu min, nur min, pro mank' de kuraĝo!

Joado

Per ploroj, ja, vi Josabeto ne pekas;
Sed Dio patrece ordonas konfidon.
Neniel li serĉas, per blinda kolero,
Sur filon timantan, reamon de patro.
Nun ĉiuj fidelaj Hebreoj restantaj
Alvenos hodiaŭ rediri dezirojn.
Kiela respekto al raso Davida,
Tiela malam' al filin' Jezabela!
Joaso konvinkos per nobla dolĉeco,
Tra kiu brilegas fajreco prapatra,
Kaj Dio per lia parol' min pravigos,
Je kor' pli proksime, sin montros en Templo.
Du reĝoj ribelaj sinsekve lin mokis!
Devige, sur Tronon nun Reĝo sidiĝu!

Memoru li: Dio en vicon prapatran
Lin ree starigis per mano de pastroj,
Per manoj iliaj lin tiris el tombo,
Kaj nomon senbrilan „David", rebriligis.
Ho Granda! Ho Dio, se Vi antaŭvidas,
Ke iam, malinda je raso, li povus
Davidan Kondukor-forlasi, li estu
Tirita, simila je frukt' naskiĝanta;
Nur floŭ, sekigita de vent' pereiga.
Sed se ĉi infan', al ordonoj obea
Por Viaj Projektoj plenumos utilon,
Al heredantulo redonu regecon,
Sub tiun malfortan submetu fortulojn,
Blindigu por celo kruelan Reĝinon,
Bonvolu, Ho Di', sur Matanon kaj sur ŝin
Etendi vualon konfuz-erarigan
De reĝaj defaloj funebran almontron!...
Jus temps!.. Adiaŭ!.. De plej altgentuloj
Jen viaj gefiloj Kondukas filinojn
(Li foriras.)

Sceno 3.

*Josabeto. Zakaro. Salomito. Ĥoro.*

Josabeto. Ho kara Zakaro, vi iru, ne haltu,
Kaj sekvu post via glorpatro. – Filinoj
De Levo, fidela kaj juna grupeto,
Vi kiuj Sinjoron jam amas fervore,
Ja, vi partoprenis en miaj sopiroj!...
Infanoj, vi sola konsolo en miaj
Longdaŭraj malĝojoj, girlandoj en mano,
Kaj floroj sur kapo, en tempo pasinta,
Konvenis por niaj belegaj ĝojtagoj!
Sed ve, en ĉi tempo hontiga, malgaja,
Ĉu estas ofero pli taŭga ol ploroj?..
Mi aŭdas, jam aŭdas la pastran ŝofaron,
Kaj baldaŭ en Templon ni povos eniri.
Nu, dum mi pretiĝos por iri ĉi tien
Kantadu vi laŭdojn al Di' ĉeestanta.

Sceno 4

*Ĥoro.*

Ĥoro tuta (kantas) Tutmondo pleniĝis je Lia grandeco:
Adoru ni Dion, invoku Lin ĉiam,

Potenca Li estas, de antaŭ la Tempoj
Liajn agojn ni prikantu!

Voĉo (sola) Perforto maljusta ne povas
Mutigi fidelan popolon laŭdantan;
Dinomo pereos nenniam.
La tag' al la tag' lin proklamas glorpova.
Tutmondo pleniĝis je Lia Grandeco.
Liajn agojn ni prikantu.

Ĥoro (tuta) (ripetas) Tutmondo pleniĝis je Lia Grandeco,
Liajn agojn ni prikantu.

---

Voĉo (sola) Li al floroj donas belkolorojn,
Kreas, maturigas fruktojn,
Superverŝas kun mezuro,
Kaj varmon dum tag' kaj malvarmon dum nokto;
La Ter' ricevinta redonas plimulte.

alia Li volis, ke sun' al Naturo lumigu
Kaj tiuj lumon kreis Lia Volo;
Sed, per leĝo sankta, pura,
Li plej malavare donacis al Homoj.

alia Ho Morto Sinao, konservu memoron

I. 4

De kiu ĉi tago tre granda, tre glora,
Kiam, sur supraj brileja,
En nubo denseja l'Sinjoro sidanta,
Lumigis al Homoj per Glora Radio.
Diru kial ĉi fajroj, ĉi fulmoj
Ĉi fumoj globegaj, ĉi bru' en aero,
Ĉi tubsonoj kaj ĉi tondroj?
Ĉu l'elementordojn Li venis renversi?
Sur l'antikvaj fundamentoj
Ĉu Li venis skui Teron?

Alia. Li venis sciigi l'idaron hebrean
Pri Lumo senmorta de l'Sanktaj Ordonoj;
Li venis al gento feliĉa
Ordoni Lin ami per amo eterna.

Ĥoro (tuta) Ho dia, Ho ĉarma Leĝo
Ho Justo, Ho pleja Bono
Kiel prave, kiel superdolĉe,
Aliĝi al Dio per amo kaj fido.

Voĉo (sola) De subpremo prapatrojn Li savis;
Li iliin dolĉnutris per pan' en dezerto
Plendonas Li Leĝojn, plendonas Li Sin Mem,

Li, pro Donoj, volas nian amon.

Ĥoro — Ho Justo! Ho pleja Bono!

La sama voĉo. — Marajn ondojn Li, por gento, disigis;
El seka ŝtonego Li fonton ŝprucigis.
Plendonas Li Leĝojn, plendonas Li Sin Mem.

Ĥoro — Ho dia, Ho ĉarma Leĝo,
Kiel prave, Kiel superdolĉe,
Aliĝi al Dio per amo kaj fido.

Alia voĉo (sola) — Vi kiuj nur scias pri timo sklavema,
Maldankaj! Ĉu Dio ĉi bona ne ĉarmus?
Al viaj animoj, ĉu do malfacile
Ĉu penige por Lin ami?
Sklavo timas fieran tiranon
Sed infanoj ne konas malamon.
ekkonas nur amon.
Vi volas, ke Di' al vi superdonacu,
Kaj vi Lin ne amas.

Ĥoro (tuta) — Ho dia, Ho ĉarma Leĝo
Ho Justo, Ho pleja Bono!
Kiel prave, Kiel superdolĉe,
Aliĝi al Dio per amo kaj fido.

# Akto II

---

## Sceno 1

Josabeto - Salomito - Ĥoro.

Josabeto Filinoj, sufiĉe; vi haltu je kantoj.
Jam horo aliri por preĝoj publikaj:
Jen nia moment' por prifesti ĉi tagon,
Kaj antaŭ l' Sinjoron aliveni niankaŭ.

## Sceno 2

Zakaro - Josabeto - Salomito - Ĥoro.

Josabeto Sed kio? Ho filo! Pro kio vi venas?
Kaj kien vi kuras, vi pala, sen spiro?
Zakaro Ho, panjo!
Josabeto Nu, kio?
Zakaro Ĵus Templ'... malsanktiĝis!
Josabeto Sed kiel?
Zakaro ... altar' de l' Sinjor'... forlasita!...
Josabeto - Mi tremas!... Rapide sciigu min, filo.
Zakaro Konforme al leĝo, jam Paĉjo-Ĉefpastro
Prezentis al Di', Provizisto por homoj,
De l' nova rikolto l' unuajn pankukojn,

Ankoraŭ prezentis per manoj sangruĝaj,
De pacoferaĵoj vaporojn fumantajn;
Mi, apudstarante, kun Eliacino,
Lin servis, vestitaj per longa linrobo;
Ankoraŭ, per sango de karno buĉita,
Pastraro surverŝis altaron, popolon....
Jen bruo konfuza.... Popolo mirinta,
Subite rigardas kaj serĉas kompreni....
Virino.... ŝin nomi ne estu blasfemo....
Virino.. ŝi estis Atalio... jes, ŝi mem....

Josabeto. Ĉielo!..

Zakaro. En unu pregfakon por viroj
Fiere ŝi iras, kun frunt' aroganta,
Kaj ŝi eĉ trovolas transpaŝi barilojn
De lok' rezervita nur por la Levidoj.
Popol' ektimegas kaj ĉien forkuras....
Sed Paĉjo... Ha kiel kolera rigardo!
Moiš' Faraonon ja malpli timigis:
„ Reĝino, foriru el tiu ĉi loko
„ Timinda, kaj tute por vi neirebla
„ Pro virinosekso kaj pro malpieco!

¿Ĉu venas vi Dion vivantan, majestan
„Insulti?„ Reĝin' lin rigardas kolere.
Ŝi eble blasfemos!... Ŝi volas paroli....
Ne scias mi, ĉu Dianĝel' aperante
Al ŝi minacegis per glav' fajrabrila...
Sed lango en buŝo tuj ekrigidiĝas,
Kaj tuta maltimo tuj malfieriĝas
Rigard' timigita fiksiĝas.... Precipe
Pro Eliacino ŝi montris surprizon!...
Josabeto Ho! antaŭ ŝi Eliacino ĉeestis ?...
Zakaro Ni ambaŭ rigardis kruelan Reĝinon,
Kaj sama teruro nin koreimpresis...
Sed baldaŭ pastraro nin ĉirkaŭalkuris,
Kaj metis nin for. Mi ne scias pri l' sekvo,
Sed venis raporti pri tia malordo.
Josabeto. Ha, eble ŝi lin, de ni, volas forrabi!
Kaj lin, ĉe l' altar', ŝa kruela elserĉas!...
Nun eble ... l' objekto de tiom da larmoj!...
Memoru Davidon, Ho Di' ĉeestanta!...
Salomito Pri kia objekto vi larmojn verŝegas?...
Zakaro Ĉu vivo de Eliacin' danĝeriĝus?...

Salomito. Ĉu li de l'Reĝino elvekis koleron?...
Zakaro. Ĉu l'im' pro infan' sen protekto, sen patro?...
Josabeto. Ha! Jen ŝi! Ni iru for!... Ni ŝin evitu!...

Sceno 3.

Athaljo - Agaro - Abnero - Sekvantaro de Athaljo.

Agaro. Reĝin', en ĉi lokoj por kio vi haltas?
Nun ĉio incitas vin kaj kolerigas.
Forlasu ĉi Templon al pastroj tiaj,
Forkuru de l'bruo, reiru palacon,
Al kor' ekscitata redonu trankvilon!

Athaljo. Neeble!.. Min vidu malcertan, malfortan!...
Alvoku Matanon; li venu, rapidu!...
Ha, se mi nur trovus, per liaj konsiloj,
la pacon serĉatan kaj ne atingeblan!...
(ŝi sidiĝas).

Sceno 4.

Athaljo - Abnero - Sekvantaro de Athaljo.

Abnero. Reĝino, permesu, ke mi lin defendos.
Fervor' de Joado vin ne ekmirigu!
De Dio jen estas eternaj ordonoj:
- Al ni li desegnis mem, Templon, l'altaron,
Nur Aaronidojn rajtigis al buĉoj;

Levidojn provizis je loko, oficoj;
Precipe malvolis, ke idoj iliaj
Kun ia Diajo interrilatigos.
De reĝoj Hebreaj edzin' kaj patrino,
Ĉu tiel vi estas ĉe ni fremdulino,
Ke leĝojn ne konas vi.. Ĉu do, hodiaŭ ....
Jen via Matano; mi lasas vin kun li.

Athaljo Abner', vi necesa ĉi tie, ĉeestu.
Mi lasu Joadan maltimon trobravan,
Kaj vantan amason da superstiĉajoj,
Barilojn al Templo por malsamgentuloj!
Objekto pli grava min maltrankviligas.
Mi scias, vi de l'infaneco hardita,
Abnero grandkora, kun-sama fervoro,
Dejoras al Dio, dejoras al Reĝoj.
Vi restu.

## Sceno 5

Athaljo-Abnero-Matano-Sekvantaro de Athaljo.

Matano. Ho gloro Reĝin'! Vi?..ĉi tie!...
Ve! kia ekscito, kaj kia teruro!
Ĉe la malamikoj proksimo vi serĉas!

Vi Templon malpian Kuraĝis aliri!
Ĉu vi do forĵetis la timon premantan?...

Athaljo Aŭskultu vi ambaŭ atente. Ĉi tie,
Mi ne memoriĝos pri la pasintaĵoj,
Nek diros pro kio verŝiĝis mi sangon.
Mi agis, Abner', decidinte, pripensa.
Mi mokas pri juĝ'de popolo senbrida!
Jes, malgraŭ insultoj, kaj spite kriegoj,
Ĉielo mem zorgis pri mia pravigo.
Mi glore sukcesis; Athalja Potenco
Ĝis sur la du maroj altrudas respekton.
Nun Jerusalem' per mi tuttrankviliĝas;
Jordan' jam ne vidas Arabon migrantan;
Fiera Filisto, senĉesa rabisto
En tempo de Reĝoj, hodiaŭ ne venas
Plu bordojn timigi; kaj eĉ Siriano
Rekonas min kiel Reĝinon, fratinon;
Nun del'familio, l'perfida tirano,
Li kiu eĉ kontraŭ min volis perforti,
Jehuo, fiera Jehuo mem, tremas
En urbo Samar', ĉirkaŭanteco timante

Potencan najbaron de mi starigitan
Al ĉi mortigulo. Li fine min lasas
Sur kiuj ĉi lokoj potenca Reĝino.
Mi pace ĝuadis je frukt' de l'sageco...
Sed penso ĝenanta, de kelke da tagoj,
En mez' de felicô min maltrankviligas!
Nur song', (ĉu mi devus kllopodi pro songo?),
Daŭrigas en koro mordantan ĉagrenon.
Pri ĝi mi volegas forpuŝi l'ideon,
Sed ĝi sin altrudas al mia spirit'... Jen...
Dum sento terura de nokto malluma,
Patrin' Jezabelo al mi sin prezentis.
Ŝi, kiel en tago mortiĝa, belege
Vestata, kaj malgraŭ maldolĉaj korŝiroj
Fiera, konservis eĉ brilkolorilon,
Per kiu ŝi pentris, ornamis vizaĝon,
Por zorge ripari al neripareblaj
Ofendoj de jaroj — « Tremegu, ŝi diris,
» Filin' je mi inda! Car Di' de Hebreoj
» Kruela vin ankaŭ elvenkas! Ve al vi
» Falinta sub Lian Potencon timindan!

„Ho Finjo!„ Ĝi tiel parolis kremige!
Tiuj ŝajnis fantomo al lito sin klini;
Mi brakojn malfermis por ŝin ĉirkaŭpreni...
Sed jen nur... terura mikso de ostoj,
Da karnoj ŝiritaj, kaj meze de koto,
Karnaĵoj sangruĝaj, kaj membroj senformaj,
Akiz' nun batala por hundoj malsataj!...

Abnero
Grand' Dio!

Athaljo
En tiu malordo, sin montras
Junulo vestata per robo brilhela
Simila je tiu de pastroj hebreaj.
Je tia ekvido mi rekuraĝiĝis.
Sed kiam, post mia konfuzo peniga,
Admiris mi lian dolĉecon, kaj ŝajnon
Nobelan, modestan... jen sentas mi ŝtalon.
Mortigan!... Perfide, tra brust', li min pikis!...
Ĉi strangan kuniĝon da pluaj objektoj
Kredeble vi pensas, ke fario hazardo;
Kaj mi mem, dum kelke da tempo, hontanta
Pri mia ektimo, mi kredis: ĝi estas
Efiko kaŭzata de ia malsano!...

Sed de ĉi memor', en animo, Kaptata,
Dufoje, dum dormo, mi vidis la samon!
Dufoje, ve, vidis l'okuloj pentrajn
De l' infano, kun vol' min trapiki!
Sed laca pro tiu obstina teruro,
Mi preĝis Baalon, li gardu min vivan,
Kaj serĉis ripozon ĉe liaj altaroj.
Ĉu io malebla al Dio sur homojn?
En Templon hebrean instinkto min puŝis.
Pacigi kun Dio hebrea mi volis.
Mi pensis: Donacoj finigos koleron;
Li, kiaajn Dio, farigos pli dolĉa!....
Baala ĉefpastr' min senfortan kompatu!...
Mi paŝas, popolo forkuras, ofero
Tuj ĉesas. Ĉefpastro alkuras kolere!
Sed kiam li voĉas... Surprizo! Teruro!...
Jen ankaŭ ĉi sama infan' minacanta!
Lin kian en sonĝo terura mi vidis!
Mi vidis ĉi ŝajnon, vestaĵon samlinan,
Iradon, okulojn kaj saman vizaĝon....
Li, li mem. Li marŝis ĉe flank' de l' ĉefpastro....

Sed tuj de mi oni forportis l'infanon....
Jen kial malcerta mi tieĉi haltis,
Kaj kial mi volis vin ambaŭ demandi...
Klarigu, Matano, ĉi songon plej strangan.

Matano
La songˮ kaj samvid' al mi ŝajnas terura!..

Athaljo
Sed knabon fatalan... abner' vi lin vidis!..
Li, kiu?... el kia popolo kaj sango?

Abnero
Por zorg' de altar' du infanoj klopodis.
L'unua, gepatroj: Joad'; Josabeto;
Mi l'duan ne konas.

Matano.
Nu! kial diskuti?
Pri ambaŭ, Regino, vi devas certiĝi.
De mi al Joado l'indulgan detenon
Vi konas. Ne celas mi venĝi l'insultojn.
Justec' nur lumigas al miaj konsiloj,
Sed, vere, se filon mem lian li juĝus,
Ĉu volus li ekliberigi kulpulon?

Abnero.
Por kia krimaĵo infano kapablus?

Matano
Ĉielo lin montras, ponardon en mano.
Ĉiel' juste saĝa ne agas sencele!..
Pli... kion vi serĉus?

II. 5

Abnero. Sed ĉu nur pro songo,
Ĉu sangon infanan vi volus elverŝi?
Ne scias vi kia eĉ estas la patro!
Kaj li mem....

Matano Timata li!... ĉio juĝita!...
De gloraj gepatroj se li elnaskiĝis,
Altrango ja devas fruigi l'defalon;
Se el nekonato lin sorto eltiris,
Ĉu grave, ke sang' senvalora verŝiĝos?
Ĉu reĝojn haltigos ĉi justo neaga?
Ilia potenc'... pli en pugrapideco.
Ni ilin ne ĝenu per zorgo malhelpa.
Se iu suspekta, li jam ne senkulpa....

Abnero. Matan'! Ho! Ĉu pastro tiele parolas?
Mi, en la militaj perfortoj hardita,
Por reĝoj revenĝoj servist' akurata,
Mi, nur mi, defendas nun malfeliĉulon!
Kaj vi, difinita por patra indulgo,
Vi, paca ministro en tempo malpaca,
Kovrante, per falsa fervoro, malamon,
Vi pensas, ke sang' tro malofte fluegas!...

Vi al mi ordonis paroli laŭ vero,
Reĝino, nu! Kia kaŭzego por timi?
Nur. songo... malforta infano... li, kiun
Priatentigita vi kredis rekoni!

Athaljo Mi kredas, Abnero; mi povis erari!
Jes, eble vantsongo min tro priokupis!
Nu, volas mi tiun infanon revidi,
Proksime, senĝene observi l'vizaĝon.
Nun ili do ambaŭ ĉeestu,... ĉi tien!...

Abnero Mi timas!...

Athaljo Ĉu, por mi, malestus komplezo?
Por kia rifuzo ĉu estus motivoj?
Ĝi povus min ĵeti en strangajn suspektojn!...
Al mi Josabet' aŭ Joado tuj venu
Kun ili. Mi povas, laŭ volo, komandi.
Pastraro, mi tion konfesas, Abnero,
Pri mia indulgo sin povas grataŭi.
Mi scias, pri mia kondut' kaj potenco,
Ĝis kie altrafas iliaj paroloj.....
Kaj ili daŭradas... kaj Templo staradas...
Mi sentas, tuj mia dolĉeco finiĝos!

Joado haltigu ferworon maltaŭgan,
Kaj min ne incitu per dua (nova) insulto!
For!...

## Sceno 6.

Athaljo. Matano. Sekvantaro de Athaljo.

Matano. Fine! Mi povas sengêne paroli!
Mi povas preeize klarigi plenveron!
Nu, monstr' naskiĝanta en Templo sin levas!
Reĝin', ne atendu, ke l'nubo ekkrevos!
Abner' ĉe l'ĉefpastr' antaŭiĝis al tago.
Por sango (raso) de Reĝoj vi scias pri lia
Fervoro; kaj eble Joado kapablas
Por anstataŭigi en lokon ilian
L'infanon mirakle montritan, ĉu filon
De li, aŭ alian!

Athaljo Jes, vi min ekvekas!
Nun mi ekkomprenas ĉielan averton....
Mi volas pri l'dubo tuj min liberigi.
Infano maltaŭgas por kaŝi pensadon;
Ja, ofte projekton nur vort' malkovrigas.
Min lasu, Matano, lin vidi, demandi.

Vi tamen foriru, sen vekatentigo,
Al Tirianroto komandu sin armi.

## Sceno 7

Joaso - Josabeto - Athaljo - Zakaro - Abnero - Salomito - Du levidoj - Ĥoro - Sekvantaro de Athaljo.

Josabeto (al levidoj) Ho vi! sur ĉi karajn, amatajn infanojn
Servantoj de Dio, ne ĉesu rigardi!

Abnero (al Josabeto) Princin', trankviliĝu; pri ili mi gardos!

Athaljo Ĉielo! ju pli mi observas, rigardas
Lin... li mem! Teruro ankoraŭ min premas!...

(Ŝi montras sur Joason).
Edzino Joada, ĉu tie ĉi l'filo?

Josabeto Li? Kiu? Reĝin'!

Athaljo (montras sur Joason) Li!

Josabeto (montras sur Zakaron) Patrin' mi ne por li;
Ĉi, l'filo!

Athaljo (al Joaso) Vi! Diru vi l'nomon de l'paĉjo.
Junulo, respondu.

Josabeto Ĉiel' ĝis hodiaŭ...

Athaljo Pro kio rapide respondas vi por li?
Nun li mem parolu!

Josabeto De l'malmultaĝulo,
Ho, kian klarigon vi povus atendi?

Athaljo Ĉi aĝo sentkulpa, la simpl'animeco
Ne konas ankoraŭ miksaĵon al Vero!
Lin lasu klarigi pri kio lin tuŝas!

Josabeto (aparte) Bonvolu, Grand'Dio, lumigi nun al li!

Athaljo (al Joaso) Vi, kiel nomata?

Mi Eliacino.

Athaljo Kaj.. l'patro?

Joaso Mi estas, laŭ dizo, nur orfo,
Sub gardo de Dio, tuj de la naskiĝo.
Pri miaj gepatroj neniam mi sciis.

Athaljo Nekonataj gepatroj?

Joaso. Min ili forlasis!

Athaljo De kiam? Kaj kiel?

Joaso De temp' de l'naskiĝo!

Athaljo Ĉu estas almenaŭ nasklando konata.

Joaso Ĉi Templo, jen land'; mi ne konas alian!

Athaljo Ĉu aŭdis vi kie trovigis vin Sorto?

Joaso Ĉe lupoj kruelaj, kaj pretaj min manĝi!

Athaljo Vin, kiu en Templon?...

Joaso Viziŋ́ nekonata

Ŝi ne sinnomita, kaj ne revidita!

Athaljo Sed, en infanec', pri vi kiu elzorgis?

Joaso Ĉu Dio jam lasis infanojn malsataj?

Li al birdidetoj disdonas nutrajon,

Kaj Lia Amego surkovras Naturon.

Lin ĉiam mi preĝas. Li patre, zorgeme

Min nutras per oferdonoj̃ altaraj.

Athaljo He! stranga novsento min batas, ŝancelas!

Dolĉeco de voĉ', malmultaĝ', afableco,

Nun, iom post iom, post mia malamo,

Elnaskas.... Ĉu eble min trôus Kompato!

Abnero Reĝin', jen do estas (staras) frapilo terura?

De viaj vantsonĝoj mensogo aperas!

Nur se elkompato ŝajnanta vin trafi,

Mem estas la frapo, pri kiu vi timis!

Athaljo Vi iras for?

(al Joaso kaj al Josabeto) Pri li vi ĉion ekscius.

Restante, li povus nur ĝeni vin mem!

Athaljo Ne!

Revenu... kaj via ofic' ĉiutaga?....

Joaso - Adoras mi Dion, mi lernas Dileĝon;
Por legi Sanktlibron min oni instruas,
Kaj jam mi per mano komencas ĝin skribi.
Athaljo Ĉi leĝo...enhavas?...
Joaso Ke Dio postulas
Pri via amego; pli malpli malfrue
Li punas blasfemon al Lia Sanktnomo,
Li, defendantulo al orfo malforta;
Li rompas maltimon, kaj venĝas mortigon.
Athaljo Mi aŭdas. Sed popolkunveno? Nu, kion
Ĝi faras?
Joaso Ĝi laŭdas kaj dankas al Dio.
Athaljo Divolo?.. Ĉu ĉiam Lin preĝi, adori?...
Joaso Alia okupo forestas el Templo.
Athaljo Kaj... viaj plezuroj?...
Joaso Jen: apud altari, mi
Provizas ĉefpastron je sal', je aromoj;
Mi aŭdas prikanti Diciopovecon;
Mi vidas belordon de ceremonioj.
Athaljo Ho, mankas por vi libertempoj pli ĉarmaj?
Hove, mi kompatas pri tia infano

Ja, kiel vi estas! Tuj venu en mian
Palacon; vi ke admiros Potencon.

Joaso Pri Diaj bonfaroj mi perdus memoron!

Athaljo Ne! Mi ne postulos, ke vi Lin forgesu!

Joaso Sed vi Lin ne preĝas!

Athaljo Vi povos Lin preĝi!

Joaso Mi tamen ĉeestus dum vok' al alia!

Athaljo Mi servas La Mian; vi servos La Vian;
Potencaj Diaĵoj!

Joaso Ni timu La Mian!
Li... Dio, Reĝino!... La via... nenio!...

Athaljo Ĉe mi, per plezuroj, vi superŝutiĝos!

Joaso Feliĉ... nur fluanta torent'... por krimuloj!

Athaljo Krimuloj?... sed kiuj?..

Josabeto Reĝin', senkulpigu!...
Infano....

Athaljo Plezure mi vidas l'instruojn!...
Vi, Eliacino, vi scias min plaĉi;
Vi certe ne estas infano malnobla.
Mi estas Reĝino, sen heredontulo,
Formetu vestaĵojn, forlasu metion,

Mi volas: Vi ĝuu je miaj riĉajoj.
Tuj provu pruvaĵojn de miaj promesoj.
Ĉe l'tablo kaj ĉie, vi apud mi sidos.
Bonfaros mi mem al vi, kiel al filo.

Joaso Al fil'!..

Athaljo Jes, vi mutas?

Joaso Ho, kian mi patron
Forlasus! kaj por ....

Athaljo Nu?..

Joaso Por kia patrino!

Athaljo (al Josabeto) Memoro fidela! En liaj respondoj,
De vi kaj Joad' mi rekonas spiriton!
Vi kiel vin trudas al simplaj infanoj,
Dum paco en kiu mi lasas vin ambaŭ!
Vi vekas ilian malamon, koleron,
Al ili vi nomas min nur malestime!

Josabeto Ĉu eble vuali al ili l'defalon?
Tutmondo ĝin scias, vi priĝi vin gloras!

Athaljo Jes! justa koler'! mi pri ĝi fieriĝas!
Mi venĝis parencojn al posteularo!
Mi estus vidinta buĉadi kaj patron

Kaj fraton, de l'supro de ŝia palaco
Malsupren forĵeti patrinon, samtempe,
En sama ĉi tago (Terura vidaĵo!)
Mortigi eĉ okdek Reĝidojn!... Kaj kial?...
Por venĝi, nescias mi, kiujn profetojn
Punitajn de ŝi pro l'insultoj!... Kaj mi, mi
Reĝino sen koro, filino sen amo,
Mi sklava al vanta, malbrava kompato,
Ne estus almenaŭ mi mem rebatinta
Al frapoj kruelaj? Ĉu devo ne estis:
Mortig' po mortigo, perfort' po perforto,
Kaj ago al nevoj Davidaj, ve, kiel
Jam estis la ago al korp' de Akabo!
Jes. Kio mi estus mem elfariĝinta
Hodiaŭ, se malgraŭ malforto, ne estus
Frapinta mi koron de dolĉa patrino;
Se de l'familio sangverŝegulino
Ne estus bridinta mi viajn ribelojn
Per tia atako mem. Fine, de via....
De Dio Hebrea l'obstina venĝemo
En familibranĉojn nin tute disigis.

Davidon malamas mi, liaj reĝidoj
Samsangaj al mi ja nur estas fremduloj!

Josabeto Plenvenkis vi. Dio travidu kaj juĝu!

Athaljo Ĉu Dio, de longe por vi sole pero
Nur povas plenumi Promesojn. Li donu
Do, Reĝon, ĉi tiun nomitan al gentoj!
Pri ido Davida vi tiom sopiras!...
Baldaŭon!... adiaŭ!... Mi iras kontenta...
Mi volis nur vidi... mi vidis....

Abnero (al Josabeto). Jen estas
Laŭ mia promeso, l'infan', redonita.

Sceno 8

Josabeto. Joado. Joaso. Zakaro. Abnero. Salomito.
Levidoj. Ĥoro.

Josabeto (al Joado) Sinjoro, vi aŭdis fieran Reĝinon?

Joado Mi aŭdis, kompatis al via korŝiro!
Kun tiuj Levidoj jam pretaj por helpo,
Decidis ni ĉiuj kun vi eĉ perei.

(al Joaso, kun ĉirkaŭpremo)

Sinjor' sur vin zorgu, infano kuraĝa,
Vi kiu jus faris pravega DiNomon....

Mi ŝuldas, Abnero, al via bonservo.
Memoru pri hor' de Joada kunveno.
Ni kies, virino malpia, kruela,
Rigardojn ofendis kaj preĝojn haltigis,
Eniru; ke, per mi, pursangoferaĵo
Purigu ĉi ŝtonojn, sur kiuj ŝi paŝis!

Sceno 9

Ĥoro.

Unu el filinoj en Ĥoro. Kiu astro al ni jus brilegis?
Kaj kio fariĝos l'infano miriga?
Li mokas honorojn vantaj
Nenial li delogiĝas
Per tentoj ĉi pereigaj.

Alia Kiam Dion de Athaljo
Ĉiu laŭdas ĉe l'altaro,
Brava knabo prave krias:
«Dio sola Eternulo!»
Jen parol' de nov' Elio
Antaŭ nova Jezabelo.

Alia Nu, kiu eldiros sekretan naskiĝon?
Infan', ĉu vi l'filo de Sankta profeto?

Alia — Tiel Kreskis Samuel'aminda
Sub protekto de la Sanktakesto.
Li estis Hebrea esperi, orakolo!
Vi kiel li, estu konsol' Israela!

Alia — Milfoje, ho feliĉa
Infan' de Di'amata
Ĝi tuj aŭdas Lian voĉon
Kaj lin Dio Mem plene instruas.
For mondo, li kreskas; ĉielaj Donacoj
Lin riĉigas de l'naskiĝo
Kaj neniel malbonula tuŝo
Malpurigas lian koron.

Horo (tuta) — Feliĉa infanaro
De Di'instruita, de Di'protektata!

La sama voĉo (solo) — Li, kiel en Valfundo
Sur bordo de purakvo
Elkreskas, for de ventoj,
Junlilio, brilo de Naturo;
For mondo, li kreskas; ĉielaj Donacoj
Lin riĉigas de l'naskiĝo
Kaj neniel malbonula tuŝo
Malpurigas lian koron.

II.9

Ĥoro (tuta) Milfoje, ho feliĉa,
Infan' al Sinjoro atenta, obea!

Voĉo (sola) Dio! Kiom juna koro
Tra multaj danĝeroj sensperte trapaŝas!
Kaj kiom animo amanta kaj pura
Trovas barojn al bonvolo!
Malamikoj ĝin atakas!
Kie kaŝas sin sanktuloj?
Pekuloj kovras teron!

Alia Palaco Davida, kaj kara ĉefurbo
Glormonto sur kiu eĉ Dio loĝadis;
Pro kio vi vekis ĉielan koleron?
Siono! Siono! Vi mizu vidante
La malpian, fremdan!
Ve, ŝi sidas sur trono de reĝoj!

Ĥoro (tuta) Siono! Siono! Vi mizu vidante
La malpian, fremdan!
Ve, ŝi sidas sur trono de reĝoj!

Sama voĉo (daŭrigas) Anstataŭ kantadoj ĉarmaj
Per kiuj Davido prikantis zavadojn
Kaj dankis al Dio, Sinjoro kaj Patro,

Siono! Siono! Vi miru vidante (aŭdante)
Laŭdi Dion de malpia, fremda,
Blasfemi al Nom' adorata de Reĝoj!

Voĉo (sola) Ĉu longe, Sinjoro, ĉu longe ankoraŭ
Ni vidos, ke Vin malbonuloj insultas!
Jen ili ĝis Sankta la Templo vin mokas,
Kaj diras malsaĝa fidelan popolon.
Ĉu longe, Sinjoro, ĉu longe ankoraŭ
Ni vidos, ke Vin malbonuloj insultas!

Alia Ni aŭdas: Pro kio ĉi emo detena?
De la plezuroj dolĉaj
Kial forlasi uzon?
Via Di' neaga por vi!

Alia Ridu, kantu, - diras malpiuloj, -
De flor' al flor', de plezur' al plezur',
Traflirtu deziroj!
Estontecon malsaĝul' nur fidas!
Da jaroj pasontaj kiomo malcerta!
Rapidu hodiaŭ profiti je vivo;
Kiu certa vivi morgaŭ!

Ĥoro (tuta)
Ploradu, pro Dio! Kaj timu, kaj tremu
Malbonuloj, kiuj Urbon Sanktan
(Sanktcivitan)
Ne rigardos tra l'eterna brilo
Ni dekas prikanti, ĉar al ni Vi montris
La Lumojn senfinajn.
Prikantu ni Viajn Donacojn kaj Gloron.

Voĉo (sola)
El vantaj plezuroj por ili logantaj
Ĉu restos alio ol resto de sonĝo
Kiam venis ekrevigo!
Je l'vekiĝo (Ho vekiĝ' terura!)
Kiam malriĉul', porĉiam
Ĝuados dolĉegajn feliĉojn de Dio,
Ve, ili maldolĉe, senfine altrinkos
El vaz' altrudita, dum tag' de l' Kolero,
Al tuta la raso kulpa!

---

Ĥoro (tuta
Vekiĝo terura!
Eksonĝo nedaŭra!
Danĝera eraro!

---

# Akto III

## Sceno 1

Matano - Nabalo - Ĥoro -

Matano Filinoj! Anoncu vi al Josabeto:
Matan' kun ŝi volas paroli sekrete!

Unu el filinoj en Ĥoro Matano! Ho Di' de l' Ĉiel' lin premegu!

Nabalo Nu! Ĉiuj disiras, forkuras sen vorto!

Matano Aliru vi!

## Sceno 2

Zakaro - Matano - Nabalo -

Zakaro Kien, malkima, vi iras?
Trans tiun ĉi lokon vi ne preterpaŝu!
Ĝi estas loĝejo de Sankta pastraro!
Pro leĝo, fremduloj ne devas eniri!
Pri kiu vi petas? La patro, pro l' festo,
El krima malpia ĉeest' apartiĝis,
Kaj antaŭ l' Sinjoro, nun genufleksinta
Patrino ne volus distriĝi de l' preĝoj.'

Matano Bonul', ni atendos! Vi ne ekscitiĝu!
Kun via nobela patrin', mi parolu.
Mi venis konigi Reĝinan Ordonon.

Sceno 3

Matano. Nabalo.

Nabalo. Iliaj infanoj jam same memŝatas!...
Sed kion Athaljo nun volas? El kio
Devenas ĉi tiu malord' en decidoj?
Hieraŭ, fiera Joad' ŝin ofendis,
En sonĝo, timinda infan' ŝin minacis;
Kolere ŝi volis mortigi Joadon,
En Templon enigi Baalon kaj vin mem.
Pri tio, jam kun mi vi ĝoje parolis;
Kaj mi mem esperis... por mi... el profitoj...
Pro kio ŝi flirtas malsamajn projektojn?
Matano. Amiki, de du tagoj, mi ŝin ne rekonas!
Ŝi... ne plu la klera, bravega Reĝino,
Superstariĝanta al sekso timema,
Subite frapanta la malsingardantojn,
Taksanta valoro eĉ unu minuton!
Ve, timo de vanta konscienc' riproĉo
Premegas ĉi grandan animon. Ŝi serĉas,
Ŝi dubas - samvorte: ŝi estas „homino"!
Sukcese mi vekis koleron, venĝemon,

En kor' jam trafita de sonĝo ĉiela.
Ŝi mem komisiis al mi por venĝego,
Komandis kunigi rapide soldatojn....
Kontraŭe ... ĉi tiu infan' jus montrita,
(Kaj kiun, laŭ diro, gepatroj forlasis)
Forigis impreson de sonĝo terura?
Ĉu iel ŝi estis mem de li logita?
Mi trovis koleron malcertan, malfirman,
Ŝi volis revenĝon prokrasti ĝis morgaŭ.
Projektoj ekŝajnis sin bati, detrui!
„Pri sort' de la knabo mi zorge demandis –
„Mi diris – jam oni eklaŭdas gepatrojn.
„Joad' iapje lin montraŝ al ansj
„Ĝi estus Hebrea alia Moiso!
„Kaj lin orakoloj mensogaj pravigas!„ –
Ŝi aŭdis. Tuj kreskas koler' sur vizaĝo;
Neniam tiele efikis mensogo.
„Ĉu povas mi halti kun tia dubego?
„Ŝi diris – Ni iru, foriĝu de l' timo,
„Vi al Josabeto sciigu l'ordonon:

„Tuj fajroj ekbrulos, ~~kaj~~ jam glavoj ~~jam pretaj~~ pretiĝis;
„Nenio de l'Templo malhelpos detruon,
„Se mi ne ricevis knabgarantiaĵon!".-

Nabalo Nu! (Hiŝpro knabo devenneciata
Kaj oble donita nur de la hazardo,)
Ĉu volas, ke Templ' enteriĝu sub herbo?..

Matano. El ĉiuj mortemaj, ja, la plej fieran
Ekkonu. Pli frue ol estos donata
Infan' dedicita al Di' per Joado,
Vi vidos Joadon en morti terure!
Ja, estas kun knab' kunligiĝo neduba!
Se mi ne eraras, Reĝin' al mi diris:
„Joad' pri l'knabkovo diune parolas!"
Sed kia ajn estas li, mi antaŭvidas:
Al ili la knab' malutilos. Ĉar ili
Rifuzos lin, sen min mi prenas la sekvon.
Mi fine esperas, ke l'Templon malaman
Brulado kaj fero renversos por ĉiam!

Nabalo Ĉu io motivas tielan malamon?
Ĉu vi al Baalo entuziasmiĝas?
Ĉar Ismaelido mi estas, mi servas

Ja, nek al Baal' nek al Di' Israela.
Matano Amik', ĉu vi pensas, ke vanta fervoro
Min puŝas al tiu senpova Idolo,
Lignaĵo nur. Spite mi en ĝin la vermoj
Sur ĝia altar' ĉiutage enigas!....
Naskiĝe ministro de Di' adorata
Ĉi tie, mi eble ankoraŭ Lin servus,
Se amo por ĝi,, kaj emo por estri
Kapablus kunigi kun jugo premanta.
Nabal', ĉu necese ke mi memorigu
De mi kun Joado konatan malpacon,
Postulojn al rajto sur ĉefan seĝegon,
Klopodojn, penadojn, malĝojojn kaj plorojn!
Li venkis!.. Tuj, tiam, mi ŝanĝis metion,
Kaj koro kortegon amegis senbride;
Mi iris per gradoj en koron de Reĝoj.
Mi oratolisto, min oni aŭskultis.
Mi ilin observis, aplaŭdis dezirojn,
Surkovris per floroj irejon al honto,
Respektis nenion por flati pasiojn,

Mezuris kaj pesis laŭ voloj iliaj;
Kaj kiam senŝanĝa Joada parolo
Ofendis iliajn glorama̧jn orelojn,
Nu, tiam mi ĉarmis per mia lerteco,
Mi kaŝis al ili malĝojan plenveron,
Mi ilin motive pravigis pri krimoj,
Kaj plejmalavaris pri sang' de senfortaj!...
Sed jen al nov Dio, de ŝi proklamita,
Reĝino Athaljo novtemplon konstruis.
Ha, Jerusalem' hontigita ploregis;
De idoj de Levo l'anar' konsternita
Korŝire kriegis ĉielen! Mi sola
Fariĝis ekzempl' al timemaj Hebreoj,
Kaj, kredon lasinte, aprobis konstruon.
Meritis mi, tiel, Baalan pastrecon.
Pro tio mi vekis koleron Joadan
Ĉefpastre kronita, samhonoriĝinta.
Mi tamen konfesas, en mia plejgloro,
De Di' forlasita l'altruda memoro
Intime de l'kor' tezurigas min iom!
Pro tio, mi vivas pli kaj pli kolera!...

Ho se nur mi povus, per venĝo al Templo,
Starigi Baalon al Lia malamo,
Kaj inter ruinoj, rubaĵoj, mortintoj,
Per troa perforto, forpuŝi l'memoron.
Sed jen Josabeto!...

## Sceno 4

*Josabeto — Matano — Nabalo —*

Matano. Reĝino min sendis,
Por pacon refari, malamon forigi.
Princin', en vi estas ĉiela dolĉeco,
Ne miru ke nun al vi mem mi min turnas....
Nur famo, (mi tamen ĝin juĝas mensogo),
Konfirmas avertojn de sonĝo pentrinta
Joadon kapablan por gravaj komplotoj.
Ĉi fam' de l'Reĝino grandigis koleron.
Pri miaj bonservoj mi ne fanfaronas.
Mi scias al vi maljustaĵojn Joadajn,
Sed mi, pro ofendo redonas bonfarojn.
Mi venas ĉi tien kun pacaj paroloj.
Nun vivu trankvile, sanktfestu laŭvole;
Pri via obeo, ŝi volas nur pruvon....

Pruvaĵon.... (mi penis deturni ŝin de ĝi),
Ĝi... knabsenparenca, li, laŭ ŝi, vidita....

Josabeto Ĉu Eliacin'?

Matano Pro ŝi, iel, mi hontas!
Ŝi vantan sonĝaĵon eblege tro ŝatas!
Sed montros vi vin malamikoj plej grandaj,
Se vi tuj ne donos al mi la infanon.
Reĝin' malkvieta atendas respondon.

Josabeto Kaj... de ŝi jen estas do pac' anoncita!

Matano Ĉu vi pri ĝi dubus eĉ unu momenton?
Ĉu iom da cedo tro kare ĝin pagus?

Josabeto Mi miris, ĉu povus Matano verema
Forigi de l' koro maljuston, ĉu povus
Kreinto de tiom da malfeliĉegoj
Nun esti kreanto de iom da bono!

Matano. Pri kio vi plendas? Ĉu nun furioze
Vin oni disigas de l' filo Zakaro?
Sed knabo l' alia, kaj kara... li, kiu?
Ĉi granda kunligo min ankaŭ mirigas!
Ĉu, por vi, trezor' multekosta, malofta?
Ĉi liberigonto, donaco ĉiela?

Pripensu.... Rifuzo min povus certigi
Pri famo malklara jam nun ekkreskanta...

Josabeto: Ĉu famo?...

Matano: Ke l' knabo nobele devenas....
Por granda projekto Joad' lin rezervis....

Josabeto: Kaj vi, per ĉi fam', grandiganta koleron....

Matano: Princin'! Vi mem de mi forigu l' eraron.
Mi scias, ke vi, de mensog' malamika
Neŝanceliĝante eĉ vivon fordonus,
Se vi por daŭrigi ĉi vivon nur devus
Per unu eĉ sola parolo mensogi.
Ĉu do pri l' infano informoj tutmankas?
Profunda mallumo ĉirkaŭaŭ devenon,
Kaj vi mem ne scias el kiaj gepatroj
Kaj ankaŭ de kiu Joad' lin ricevis?
Parolu; mi, preta por kredi, aŭskultas.
Al Dio vi amas, Princin', lin alvoku.

Josabeto: Malbona! Ĉu Dion kuraĝas vi nomi!
Vi kontraŭ ĉi Dion instruas blasfemi
Ĉu ankaŭ Li, por vi atesto valorus?
Vi honte sidanta sur predikkatedro,

El kiu semiĝas venena mensogo!
Vi tempparigant' kun kromp' kaj perfido!

Sceno 5

Joado. Josabeto. Matano. Nabalo.

Joado
Ho! Kio? Ĉu kiu ne ... pastro Baala?
Filin' de David', ve! kun li vi parolas!
Al ĉi perfidul' vi permesas alproĉi!
Ĉu vi do ne timas, ke el profundaĵo,
Sublimem, elŝprucos tiuj fajroj brulantaj,
Aŭ, sur lin falante tiuj muroj vin premos!
Sed kion li volas? Per kia maltimo
La Dimalamik' sin prezentis ĉi tien?
Li enhaladziĝas aeron spireblan!

Matano
Je l'kolerparol', mi rekonas Joadon!
Sed devus li, montri pli da singardemo,
Respekti Reĝinon, kaj ne insultegi
Al komisiito je ŝia ordono.

Joado.
Nu? Kia malbon' por anonci? Kaj kia
Ordono malpia, per kia sendito?

Matano
Sciigis mi al Josabet' pri l'ordono.

Joado
For'iru do! For de mi! Monstro malpia!

De via krimaro plenigu tabelon!
Tuj Di' vin kunigos al raso perfida,
Abiro kaj Datho, Doeg', Akitoflo!
La hundoj de kiuj regin' Jezabelo,
Pro lia justeć, dissirigis, nur haltis
Longtempe, pro Volo de Dio, sed ili
Ĉeestas, jam pretaj sinĵeti, vin ŝiri!...

Matano (malkviete) Ne pasos ĉi tag'... el mi kiu... devigos...
Nabal'... mi foriru!...

Nabalo Sed kien vi iras?..
L'anim' mirigita nun vin eraŭigas!
Jen... vojo!...

Sceno 6

Joado. Josabeto.

Josabeto Nubeg' tuj eksikrevos! Athalio
Kolere postulas pri Eliacino!
Pri lia naskiĝo, pri via projekto,
Sinjoro, l' sekreto jam ekmalkovriĝas!
Jus preskaŭ eldiris Matan' l'patronomon...

Joado De kiu ĝin estus aŭdinta Matano?
Ĉu via konfuzo mem ne tro parolis?

Josabeto Plej eble mi penis por ĝin superregi!
Min kredu, Sinjoro, danĝero ĉeestas!
Ni gardu l'infanon ĝis tempo pli paca.
Nun, kiam krimuloj diskutas projektojn,
Kaj antaŭ ol oni lin prenus, fortirus,
Mi volus lin kaŝi denove; ĉar pordoj
Kaj vojoj ne estas baritaj ankoraŭ.
Ĉu devas mi iri en vastajn dezertojn?
Mi preta. Mi konas sekretan irejon,
per kiu, ni ambaŭ nenie viditaj
Sukcesos transiri torenton „Cedrono"
Ni iros dezerton. Jam tien Davido
Plorante forkuris por savo, kaj tiel
De filo ribela evitis atakon.
Lin malpli minacus leonoj kaj ursoj!
Sed kial malŝati kunhelpon Jehuan?
Mi eble elvokas saĝigan konsilon:
Konfide ni donu l'infanon al Reĝo,
Hodiaŭ mem oni forirus al Regno,
Ĉar al ĝi nur vojo mallonga. Jehuo
Ne estas je koro senkompata, malmola;

Kaj nom' de David' al li ne malamika,
Ĉu reĝo troviĝus malbona, kruela,
(Nur se li naskiĝis el Sam-Jezabelo!)
Sen plena kompato al tia mizero.
Samsorto minacas al ĉiuj regnestroj.

Joado. Ho kiaj konsiloj vekitaj de l' timo!
Ĉu taŭge vin helpi Jehuo kapablas?

Josabeto. Ĉu Di' malpermesas singardon, klopodojn?
Ĉu Lin ne ofendas troega konfido?
Por Siaj projektoj Li uzas homaron.
Ĉu Li mem ne armis la brakon Jehuan?

Joado. Jehu', elektita de Saĝo Plejalta,
Jehuo, de kiu vi tiom esperas
Nedanke respondis al Diaj bonfaroj,
Per pac' kun kruela filin' de Akabo,
Per nuna daŭrig' de malpiaj ekzemploj
De reĝoj en gent' Izraela. Malvera
Diaĵo Egipta nun regas en temploj;
Jehu', sur altaĵoj kuraĝas maltaŭge
Prezenti aromojn ŝuldatajn al Dio;
Por regnon de Dio defendi, kaj Liajn

Revenĝojn plenumi, ĝi tuto ne estas
Sufiĉe bonkora, sufiĉe senkulpa!
Ne, ne! Nur al Dio ni devas konfidi.
Ne kaŝu, sed montru ni Eliacinon
Kun kapo vestata per reĝa-ortkrono.
La horon fiksitan mi eĉ pli frumigos,
Por antaŭ malbelpi Matanajn projektojn.

Sceno 7

Joado - Josabeto Azariaso. Ĥoro. Kelkaj Levidoj.

Joado Nu, Azariaso, ĉu Templo fermiĝis?
Azariaso Jes, antaŭ mi ĉiuj ŝlosfermis pordegojn.
Joado Ĉu restas nur vi kaj l'anaro fidela?
Azariaso Tra sanktaj vestibloj dufoje mi paŝis.
Nun ĉiuj forkuris, kaj tute forestas
La bando malbela, igita de timo!
Kaj Dion fidelaj piuloj nur servas.
Sed ili, de l' tempo de jug' Faraona,
Neniam frapiĝis je tia teruro!
Joado Popol' ja malbrava, naskiĝe sklavema,
Fiera nur kontraŭ Sinjoron! Ni iru...
Sed kio haltigas ĉi tie l'infanojn?

Unu el filinoj en Ĥoro. Ĉu eble, Sinjor', apartigi nin de vi?
En Templo de Dio ĉu estas ni fremdaj?
Jen apud vi niaj kaj patroj kaj fratoj!

Alia. Ve, se ni maltaŭgas por venĝi hontiĝon
De gent' Israela, laŭ far' de Jahelo
Trapinta sur kapon al Dimalamikoj.
Ni taŭgas almenaŭ por vivon oferi,
Kaj kiam vi frapos en Templ' atakata,
Ni tiam per larmoj alvokos al Dio!

Joado. Jen estas do solaj venĝontoj por Rajto!
Pastrar' – infanaro!... Ho Saĝo Eterna!
Se ilin Vi helpos, ĉu ili subfalos?
El tombo, laŭ Vole, Vi povas revoki;
Vi frapas, sanigas, mortigas, vivigas!
Konfido ilia... ne propraj meritoj,
Sed Via Sanktnomo oft' ge preĝata,
Sed Viaj Promesoj al Reĝo plej sankta,
Sed Templo ĉi, Via tutsankta Sidejo,
Ĝi, kiu egalos daŭradon de l' Suno;
Sed... Koro skuiĝas de Sankta Ekscito!
Ĉu Dia Spirito en min ensoviĝas?

Jes, ... Li mem varmigas, parolas!... Mi vidas!...
Jen al mi aperas mallumaj centjaroj!
Al mi, ho Levidoj, vi helpu per kantoj;
De Liaj Sekretoj traduku akordojn!....

Ĥoro (*kantas kun simfonio per ĉiuj muzikiloj.*)

De l'Sinjoro Voĉo ekaŭdiĝu
Estu al ni, Orakolo Lia,
Kiel al novherbo
En printempo estas la roso matena!

Joado Ĉieloj ekaŭdu min! Tero aŭskultu!..
Jakob' plu ne diru :.. Sinjoro dormadas!..
Pekuloj, forkuru! Sinjoro vekiĝas!

*Nun rekomenciĝas simfonio. Tuj poste, Joado redikas:*

Ve! Plumbo fariĝis el oro plej pura!...
En Templo... Ĉefpastro buĉita!... Li kiu?...
Ho ploru, ho Jerusalemo perfida
Ho vi, mortiganto de viaj Profetoj!
Ve! Sian amegon Sinjoro retiris!
Aromoj fariĝis parfumoj malpiaj!
Kien iras infanoj, virinoj?
Sinjoro detruis Ĉefurbon de l'urboj!

Jen pastroj kaptitaj!...Jen reĝoj pelitaj!
Ne volas plu Dio Kunvenojn solenajn!
Ho Templ'renversiĝu!...Ho cedro flamiĝu!
Mi vin ploras, Ho Jerusalemo!
Vin kiu subite senigis je gloro?
Okuloj fariĝu du fontoj da larmoj,
Por plori ruinojn!

Azariaso Sankt Templo!
Josabeto Davido!
Ĥoro Ho Dio Siona!
Al Urbo redonu l'antikvajn favorojn!

(Simfonio rekomenciĝas antaŭe. Joado post unu momento interrompas.)

Joado Ĉu Jerusalemo nova
El fund' de dezerto elstaras lumega,
Kaj portas sur frunto desegnon senmortan?
Gentoj de Tutmondo, kantu....
Jen Jerusalemo pli ĉarma, pli bela....
Al ĝi venas ĉiuflanke
Infanojn al kiuj ĝi vivon ne donis
Ho Jerusalemo fiere rigardu!
Rigardu ĉi Reĝojn pro glor' mirigitajn!

Ĉi Reĝoj de gentoj nun al vi salutas!
Ili antaŭ vi sin klinas!
Popoloj rapidas vin sekvi al gloro!
Feliĉa ĉi kiu Sionon fervore
Amos kun varmega koro.
Ho Ĉiel'! Gutigu roson,
Por ke Tero elnasku Savonton!

Josabeto: Ĉu kie, ve, kia favor' al ni venos,
Se Reĝoj de kiuj devenos Savonto .....

Joado: Tuj vi, Josabeto, pretigu l'orkronon,
Ĝin, kiun David' sur glorfrunto memportis.
(al la Levidoj).
Kaj vi, por vin armi, min sekvu en lokojn
En kiuj kaŝiĝas, for de malpiuloj
Ĉi grandegamaso da lancoj, da glavoj,
Per sango Filista jam koloriĝintaj,
Kaj kiujn Davido grandaĝa kaj glora,
Post venko, dediĉis al Di' Protektinto.
Ĉu ili konvenus por celo pli nobla?
Nu, venu; mi mem al vi ilin disdonos.
( Ili foriras ).

## Sceno 8

### Salomito - Horo.

Salomito. Jen tremoj, Fratinoj! Jen timoj Korŝiroj!
Ĉiopova! Ĉu vidas ni fruktojn,
Aromaĵojn, oferaĵojn,
Konvenajn, hodiaŭ, por Viaj altaroj?
Unu el filinoj en Horo. Kia vid' por ni timemaj!
Kiu pensus vidi iam
Kaj glavojn vivtranĉajn, kaj lancojn mortigajn,
Brili en sidej' de Paco!
Alia. He! Kial, nemiel atenta pri Dio,
Nun Jerusalem' en danĝero silentas?
Ho Fratinoj! kial por nin helpi,
Almenaŭ plej brava Abner' ne parolas?
Salomito. Ve! en ĉi Kortego en kiu nur regas
Kaj perforto kaj subpremo;
Kaj honorojn kaj oficojn
Havigas nur blinda, sklavema obeo,
Ho, fratin', por Senkulpeco,
Kiu plilaŭtigus voĉon?
Alia En danĝero de ĉi plejmalordo,

Por kiu pretiĝas nun sankta Reĝkrono?

Salomito La Sinjor' al ni parolis.
Sed jus al profeto diritan sekreton,
Kiu ekklarigos al ni?
Armiloj?... Ĉu por helpi?
Armiloj?... Ĉu por nin frapi?...

Ĥoro tuta (Kantas) Promeso! Minaco!.. Profunda mistero!
Malbonoj kaj bonoj sinsekve aperas!
Kiel ebla, kun tia kolero
Miksi tian amon.

—

Voĉo (sola) Sion' plu ne estos! Kruela brulado
Manĝos ĉiujn ornamaĵojn!

Alia L'Sinjor' al Siono promesis daŭradon.
Ja, Parol' Eterna!

L'unua voĉo Mi vidas: Jen ĝia brilec' malaperas!
La dua Mi vidas: Jen ĝia belec' ekbrilegas!
L'unua En profundegaĵon Siono jam falis!
La dua Ĝia frunto en Ĉielo!
L'unua Malĝoja falego!
La dua. Senmorta glorego!

III. 8.

L'unua Ho, Krioj Korŝiraj!

La dua. Ho Kantoj triumfaj!

Tria Ne maltrankviligu ni; iam Sinjoro
Montrospri ĉi grandmistero!

Triopo Respektu ni Lian Koleron!
Esperu pro Lia Amo!

alia De Kor' pia
Kiu do forfalus pacon?
Ĝi nur serĉas Vian Sanktan Volon
Kaj serĉas sin veni'am!
Kaj sur Ter', Kaj en Ĉiel' Mem
Ĉu estas feliĉo pli granda ol paco
De Kor' pia!



# Akto IV.

---

## Sceno 1.

Joaso, Josabeto, Zakaro, Salomito, Unu levido - Ĥoro.

Salomito. Per paŝo majesta, jen Eliacino
Alvenas kun miaj patrino kaj frato.
Sed ili vualas sur io, Fratinoj!
Por kiu do, glavo portata antaŭe?

Josabeto (al Zakaro) Ho Fil', kun respekto demetu sur tablon
La Libron timindan de Sankta Leĝaro;
Kaj antaŭ vi, Eliacin', apudmetu
La kronon gloregan ĉe Libron de Dio;
Kaj vi pro ordono Joada, levido,
Vi metu ĉe l'kronon la glavon Davidan.

Joaso Princino! Por kio ĉi tiuj novaĵoj?
Por kio Sanktlibro, kaj glavo, kaj krono?
De kiam Sinjoro min prenis en Templon,
Neniam mi vidis pri tia ekzemplo!

Josabeto (provmetante la kronon sur lian kapon)
Ho Fil'! De l'nescio vi baldaŭ foriĝos!

Joaso Sur min!... ĉu vi volas provmeti la kronon?

Princino, atentu vi, ĝin ne malgloru!
De l'Reĝ' ĝin portinta respektu memoron!
Infan' Kompatinda, lasita al ursoj.....

Josabeto (demetante la Kronon sur lian kapon).
Permesu, Ho Fil', mi obeas ordonojn.

Joaso Sed kio? Mi vidas nun viajn eksplorojn!...
Princino!.. Vi ploras!... Kompato!... pri kiu?
Ĉu mi mem hodiaŭ oferdonaciĝos?
Ĉu devas mi, kiel filino de Jefto
Per mia mortiĝo dolĉigi l'Sinjoron?
Ve! Filo disponas nur havon de l'patro...

Josabeto (kiam Joado eniras)
Jen kiu parolos pri Volo Ĉiela!
Ne timu!... Vi ĉiuj foriru el tie.

Sceno 2

Joado. Joaso.

Joaso (ĉirkaŭprenanta la Ĉefpastron)
Ho, patro!

Joado Nu, Fil'?

Joaso Vi pri kio preparas?

Joado Tre ĝuste, Ho Fil', mi sciigu vin pri ĝi.

Videvas sciiĝi, pli fixe ol ĉiuj,
Pri grandaj projektoj de Di' sur popolon,
Kaj sur vin. Ke plia kuraĝo kaj fido
Moviĝu vin; montru nun tiun fervoron
Pri kiu mi petis vin tiom da fojoj.
Jam tempo por ŝuldon repagi al Dio.
Ĉu celas vi tion, kuraĝe kaj noble?

Joaso Mi preta obei, se viron oferi.

Joado Vin oni instruis pri faroj de Reĝoj.
Ĉu scias vi, filo, pri reĝoj trudataj
Al si mem de Reĝo tutinda je krono?

Joaso Laŭ volo de Dio mem, reĝo prudenta
Ne serĉas potencon per oro, riĉeco;
Li timas nur Dion, Sinjoron; obeas
Dileĝojn, Divolojn, Dijuĝojn severajn;
Per ŝarĝoj maljustaj ne premas fratulojn....

Joado Se unu el Reĝoj vi devus imiti
Ho filo, al kia model' vi vin turnus?

Joaso David' al Sinjoro fidele aminta,
Vidiĝas modelo plej bona el Reĝoj.

Joado Kaj vi ne imitus, per agoj troegaj,

Malpiajn Joranion kaj okoziason?

Joaso Ho, patro!

Joado Parolu! Nu?... fundon de l'penso?

Joaso Sammorto, samsorto al Samkondukanto!

(Joado genufleksas antaŭ li)

Ho patr'! Ĉu vin antaŭ mi tiel mi vidas!

Joado Mi donas respekton ŝuldatan al Reĝo.

Prapatron Davidon, Joaso, imitu.

Joaso Joaso? Mi?

Joado Aŭdu!... Per pleja favoro,

Sinjor' senarmigis kruelan patrinon,

Deturnis ponardon sur vin elfrapintan,

Vin prenis, vin savis el mez' de mortantoj.

El ŝia venĝemo nun vi ne saviĝas!

Vin lastanaskitan de ŝia neparo

Ŝi frapis jam, kaj nun, kun sama kolero

Ŝi volas ankoraŭ nur vin pereigi!

Ŝi vin persekutas, eĉ malgraŭ nomŝajno!
(ŝajnnomo).

Sub viajn standardojn mi jam kunvenigis

Popolon obean kaj pretan por venĝo....

(al la Levidoj)

Vi familiestroj nobelaj kaj piaj,
Por pastra honor' naskiĝintaj, eniru.

Sceno 3

Joaso - Joado - Azariaso - Smaelo - Tri aliaj Estroj de Levidoj.

Joado Ho Reĝ'! Jen venĝontoj al Reĝmalamikoj!
Ho Pastroj! Jen Reĝo al vi promesita!

Azariaso Ho? Eliacin'?

Smaelo. Ho? Ĉi knabo afabla ....

Joado Li ... estas la verheredanto de Reĝoj
Judaaj, Lastido de Okoziaso,
Jam viva, vi scias, sub nomo Joaso,
Apenaŭ naskita, frutempe frapita!
Judanoj, vi ĉiuj kompatis, kaj kredis:
- Li estas senviva kun fratoj mortintaj,
Perfida tranĉilo samtempe lin frapis! -
Sed Dio deturnis mortcelan ekbaton,
Konservis en koro malforta varmecon,
Eltigis, ke spite gardi' Josabeto
Forprenas lin ruĝan de sango. Mi sola
Ĉeestis al ŝia forŝtelo. En Templon
Ŝi kaŝis l'infanon kaj la nutristinon.

Joaso — Pro tiom da amo, pro viaj bonfaroj,
Ve, patro, ĉu iam mi povos redoni?

Joado — Ĝis tempoj aliaj rezervu dankvortojn!....
Jen estas do l' Reĝo, la sola Espero.
Ĝis nun mi elzorgis por al vi lin gardi.
Dipastroj, vi devas ĉi taskon plenigi.
Jen, baldaŭ kruela filin' Jezabela
Ekscios pri vera Joaso vivanta,
Ŝi volos en tombon denove faligi
Lin, kiun neniel ŝi konas ankoraŭ,
Sed volas jam buĉi! Ho Sankta Pastraro,
Vi kontraŭstariĝu; por gento Hebrea
Ĉesigu hontigan sklavecon, elvenĝu
Mortintan Princaron, gloriĝu Sanktlegon;
Ke niaj du Gentoj ekkonu la Reĝon.
Afero sendube danĝera kaj grava;
Al Tron' mi atakas fieran Reĝinon,
Sub kies standardoj dungiĝis grandnombre
Kuraĝaj fremduloj, malpiaj Hebreoj!
Sed forto!...Es Dio por kiu mi penas.
Pripensu: Ĉi knab' Israelon entenas.

Jam Dio, venĝanto, tremigas Reĝinon!
Jam, Kaŝe, prosperis al mi vin kunigi!
Ŝi kredas nin tie ĉi sen armilaro;
Ni kronu Joason, kaj tuj fidelĵuru!
Sentimaj soldatoj de nia novprinco,
Ni iru, kun preĝoj al Di', batalestro.
Ni veku konfidon en koroj, kaj frapu
En ŝia palaco mem malamikinon!

Se fratoj, pro kia ajn timo silentaj
Nin vidos nobele nin montri antaŭen,
Ĉu ili ne sekvos rapide l'ekzemplon?
La Reĝ' vivigita de Di' mem en Templo,
La heredintul' Aarona, kun Pastroj,
Kondukos la idojn de Levi al batalo,
Portantajn en mano la glorajn armilojn
Ĝikiujn David' al Sinjoro dediĉis!
L'Sinjor' malamikojn timigos. Vi tiam
Ne ŝparu verŝadon de sango malpia
Kaj frapu Tiranojn, eĉ ankaŭ Hebreojn.
Ĉu vi ne devenas de tiuj Levidoj
Gloregaj, vivantaj en tempo, en kiu

Popol' Israela, per krimoj, adoris
Diajon de Nil' en dezerto Egipta.
Jam ili, por gardo de Kredo plej sankta
Mortigis perfidajn parencojn plej karajn.
Per tia sangverŝo mem, ili sanktigis,
Kaj indaj fariĝis transdoni l'honoron
Plenumi l'oficojn al Di' ĉe l'altaroj.
Sed vidas mi. Vi jam volegas min sekvi!
Jam nun do, vi ĵuru, sur tiun Sanktlibron,
Al Reĝ', de l' Sinjor' redonita hodiaŭ,
Ke por li vi vivos, batalos kaj mortos!

Azariaso (Kun mano sur la Sanktlibro).
Ĉi tie ni ĵuras, je ni kaj je fratoj,
Starigi Joason sur Tronon de Patroj;
Ne lasi armilojn, ĝis kiam ni liajn
Revenĝojn plenumos al malfideluloj.
Se ni ĵurrompos, Ho Dio! por venĝo
Teruru lin punu, lin ankaŭ l'idaron
Forjetu, for de Vi, al ili rifuzu
Eternajn feliĉojn por Viaj servantoj.

Joado (al Joaso) Kaj vi, al ĉi Leĝo, Eterna Regulo,

Ĉu, Reĝ', vi ne ĵuros virdaŭran obeon?
Joaso: Ĉu tian sanktleĝon mi povus malŝati?
Joado. Ho filo! Mi tiel ankoraŭ vin nomas,
Kortuŝon permesu kaj larmojn pardonu
Al mi, ĉar mi prava pri vi mem timegas.
Ve, for de l'korteĝo, en sucinfaneco
Nescias vi ĉarmon dangeran de l'gloro,
Fatalajn ebrion de l'oro senbrida
Kaj voĉon logantan de vantaj flatuloj!
Vi baldaŭ ekaŭdos, ke leĝoj plej sanktaj,
Al gent' altrudikaj, obeas al reĝoj;
Ke reĝ', nur bridata de sia bontrovo
Plenrajtas oferi al sia potenco
Aferojn, laborojn kaj larmojn de gentoj;
Ke l'gento postulas devigajn ordonojn,
Ke iam ĝi premas, se ĝi ne premiĝas.
Flatuloj per trompoj sinsekvaj faligoj,
Altrafos al via pureco de moroj,
En koron enigos malamon al vero,
Prezentos ĉe virton sub tajno malvera!
Ve, ili perdigis plej tajn(?) el reĝoj!

Promesu, sur Libron, kaj antaŭ ĉi anoj,
Ke ĉiam vi kore klopodos por Dio,
Malbonajn vi punos, kaj bonajn protektos,
Sur vin kaj malriĉan. sampetos Dijuĝon.
Ho Fil', memorante, ke sub ĉi linveŝto,
Vi ankaŭ jam estis malriĉa kaj orfa!

Joaso (kontraŭ flankmezo de l' tablo, kun mano sur Sankt…

Mi ĵuras obei ordonojn de l' Leĝo
Ho Dio, se mi Vin forlasos, min punu!

Joado Nu, venu; por ke mi tuj Vin sanktoleu.....
Kaj vi, Josabeto, vi povas vin montri.

## Sceno 4

Joaso. Joado. Josabeto. Zakaro. Salomito. Azariaso.
Ismaelo. Tri aliaj estroj de Levidoj. – Ĥoro.

Josabeto (ĉirkaŭprenas Joason).

Ho Reĝ', Davidido!

Joaso Ho sola patrino!...
Ho venu, Zakar', ĉirkaŭprenu min, frato!....

Josabeto (al Zakaro) Al Reĝo fleksiĝu, ho filo!

Joado Infanoj!
Vin gardu l' Sinjoro sen ia disiĝo!

Josabeto Vi scias do vian devenon de sango?

Joaso Mi scias de kiu vi ĝin al mi gardis.

Josabeto Joaso! Ĉu povas mi tiel vin nomi?

Joaso Joaso amegos vin ĉiam.

Ĥoro Ĉi estas?....

Josabeto ...Joaso!...

Joado. Aŭskultu ni tiun Levidon.

## Sceno 5

La samaj - Unu Levido.

Levido. Ne scias mi kian atakon al Dio!
Sed ĉie bruegas minacaj armiloj,
Kaj ĉirkaŭ standardoj brilegas fajreroj!
Sendube Athaljo kunigas anaron,
Kaj jam eĉ por helpo jen vojoj fermitaj,
Jam sanktan l'altajon, ĉirkaŭe de Templo
Senkontaj Tiranoj amase siegas!
Eĉ unu ekkriis blasfemon, kaj diris:
«Abner' katenata ne helpos plu al vi.»

Josabeto Ho fil'! Vin ĉiel' al mi vane redonis!
(al Joaso) Hove! Por vin savi mi faris plejeblon!
Ve, Di' ne memoras plu patron, Davidon.

Joado (al Josabeto) Ho! Timu altiri koleron de Dio
Sur vin kaj sur Reĝon ĉi tiel amatan.
He kio? Se Dio, de vi lin forprenus,
Kaj volus detrui tutrason Davidan!
Nu, ĉu vi ne estas sur monto ĉi sankta,
Sur kiu jam Patro de gento Hebrea
(Abrahamo)
Senkulpan junfilon minacis, obee;
Kaj metis sur lignoŝtuparon la fruktkon
de sia multaĝo. Maljuna ĉi, tiel,
Konfidis al Di' por plenumi Promeson,
Al Li oferante, kun filon amatan
L'esperon de l'ras', en li sola tenatan.
Amikoj, perdisaj irejoj: Smaclo
Gardiu ĉe flank' Orienta; vi same
Ĉe flanko Grandursa; kaj vi, Okcidenta:
Vi, suda. Neniu, pro troa fervoro,
Ĉu estas li pastr' aŭ Levido, sin ĵetu
Antaŭen pli frue ol tempo fiksata
De mia komando; kaj, samideane,
Vi gardu ĝis morto, la devajn postenojn.
Pro blinda incit', malamiko nin kredas
Anaro senpova, nur preta por morti,

Kaj pensas renkonti nur timon, malordon.
Vi, Azarias, ne disiĝu de l' Reĝo.
(al Joaso) Nu, venu, Karido de Gloraj Praapatroj,
Redoni al anoj konfidon, kuraĝon;
Kaj ĉe fideluloj, brilege kronita,
Vi mortu ja Reĝe, se devas vi morti!
(al Josabeto) Edzino, lin sekvu!
(al unu el Levidoj). Vi, donu l'armilojn!
(al Ĥoro) Senkulpaj infanoj, vi ploru al Dio!

Sceno 6

Salomito. Ĥoro.

Ĥoro
Nu, Aaronidoj, iru;
Car neniam tia kaŭzo
Vekis korojn de Praapatroj!
Nu, Aaronidoj, iru;
Por Reĝo, por Dio mem, vi kontraŭstaras.

Voĉo (sola)
Kie estas ekbatoj Viaj,
Dio, en kolero justa?
Ĉu Vi ne Di' jaluza?
Ĉu Vi ne plu Di' de venĝoj?

Alia Ho Di' de Jakob'! Ho redonu favorojn
En ĉi teruzeg' tiea!
Vi aŭdus nun voĉon pri miaj kulpaĵoj?
Ĉu Vi ne Di' de pardono?

Ĥoro. Ho Di' de Jakob'! Ho redonu favorojn!

Voĉo (sola) Al Vi Mem en ĉi atako
Nur volas altrafi ĉi homoj malbonaj!
Ili diras „Ni ĉesigu
„Diajn festojn en Tutmondo!
„Forigu ni Dian Potencon sur homoj!
„Mortigu Sanktulojn, renversu altarojn!
„Dia Nomo, Dia Gloro
„Plu ne restu en memoro!
„De nun, li kaj Kristo ne regu plu sur ni!"

Ĥoro Kie ekbatoj Viaj
Dio, en kolero justa?
Ĉu Vi ne Di' ĵaluza?
Ĉu Vi ne plu Di' de venĝoj?

Voĉo (sola) Restaj' de miaj Reĝoj,
Vi pasta juvelo de tia glorkrono!
Ve! ĉu, per tranĉil' de patrino kruela,

Ni vidos vin fali antoraŭ ĉi fojon?
Vi diru, Ho Princ', ĉu Anĝel', en lulilo
Defendis vin kontraŭ atenc' de krimuloj,
Aŭ, ĉu en malluma tombo
De Dio vivanta la Voĉ' vin vivigis?

Alia — De patro, de avo, al Vi malfidelaj,
Ho Dio, ĉu al li Vi venĝos atencojn?
Ĉu Vi senrevene rifuzos kompaton?

Ĥoro — Ho Di' de Jakob'! Ho radonu favorojn!
Ĉu Vi ne Di' de pardono?

---

(sen kanto)
Unu el filinoj en Ĥoro. — Fratinoj! Ĉu vi ne aŭdas
Kruelajn Tiranojn kaj tubojn sonorajn?

Salomit — Mi aŭdas eĉ krion de armoj senkoraj!
Teruro mi tremas!
Ni forkuru, ni reiru
Ĉe l'ombron savigan
De l'magindia Sanktejo!

# Akto V.

---

## Sceno 1.

Zakaro - Salomito - Ĥoro.

Salomito Ho kara Zakaro, nu! Kiaj novaĵoj?
Ĉu Dimalamikojn ofike vi frapis?

Zakaro Ne ĉesu al Dio fervore preĝadi!
Fratino, hodiaŭ ni eble mortiĝos!
Jam oni ordonis pri granda l'atako!

Salomito Kaj nun, pri Joaso?...

Zakaro. Joaŝ jus kroniĝis.
Ĉefpastro lin jus sanktoleis. Ĉielo!
Ho kia ĝojego sur ĉiuj vizaĝoj,
Pro kiu ĉi Reĝ' fortirita el tombo!
Fratino, ni vidis ankoraŭ postsigron
De l'vund' per tranĉilo! Kun li, nutristino
Fidela. Ŝi kaŝe, en fundo de l'Templo
Prigardis la knabon gloregan, kun zorgo
Vidita de Di' nur, kaj nia patrino...
Kaj niaj Levidoj, pro ĝoj', kortuŝiĝo
Ploradis, miksante ĝojkriojn kun ploroj!

En mez' de triumf' li afable, modeste,
Jen manojn alpremas, jen dolĉe ridetas;
Al ĉiuj li petas pri bonaj konsiloj,
Kaj ĉiujn alnomas aŭ patroj aŭ fratoj.
Salomito. Ĉu l'famo jam antaŭ elflugis eksteren?
Zakaro. Sekreto ankoraŭ en Templ' enfermiĝas.
Sed Levoidaro, disapartiginta,
Profunde silentas, kaj gardas pordegojn;
Kaj ĉiuj samtempe sin ĵetos antaŭen,
Kriante nur: « Vivu, ja, Reĝo Joaso! »
Sed paĉjo malvolas, ke Reĝ' danĝeriĝos;
Li volas, ke Azarias 'lin gardu.
Ekstere, Athaljo, ponardon en mano,
Mokridas pri baroj de niaj ferpordoj,
Atendas levilojn por ilin disrompi,
Klopodas nur por sangverŝad' kaj ruinoj!
Fratino, jam kelkaj el pastroj proponis,
Ke en subkelajon fositan de Patroj,
Almenaŭ ni kaŝu la gloran Sanktkeston.
Sed paĉjo: « Ho tim' malfidela, malpia!...
Sanktkesto disĵetis sennombrajn altturojn,

„Resupren irigis Jordanan la fluon,
„Renversis Diaĵojn de gentoj, kaj nun, ĝi
„Forkuras pro ven' de virino ribela!„
Kaj panjo, ĉe flanko de l' Reĝo, timege
Rigardis, jen princon, jen sanktan l'altaron;
Silenta, pro sia dolor' premegita
Ŝi larmojn ekvokus eĉ de l'plej kruelaj!
Sed Reĝ', apoje ŝin ĉirkaŭprenante,
Konsolas ŝin .... Ĉiuj min sekvu, fratinoj:
Hodiaŭ se devas la Reĝo perei,
Ni iru; samsorto kunligu nin al li.
Salomito Ho! Kiel rapidaj frapegoj sur pordojn!...
Sed, kial nun tiuj Levidoj, zorgeme
Kaj malgraŭ konfuzo, subkaŝas l'armilojn?
Ĉu ekokupiĝas la Templo?..
Zakaro. Ne timu!
Jen Dio resendis Abneron.

Sceno 2

Abnero. Joado. Josabeto. Zakaro. Salomito. Smaelo. Du Levidoj.

Joado Ho miro!
Abner?! Ho! per kia irej', ĝis ĉi tie

Vi provis alpaŝi tra siejantaro?
Laŭ l'diro, malpia filin' de Akabo
Por certe plenumi kruelajn projektojn
Per mia perforto vin jam katenigis!

Abnero. Sinjor', jes! Pri mia fervor' kaj kuraĝo
Ŝi timis, kaj tiel komencis sin venĝi.
Laŭ ŝia ordon', mi malliberigita
Atendis, ke ŝi, post brulado de l'Templo,
Ne kristigita per tiom da sango,
Mortigu min, prenu por viron sencelan,
Kaj kiun jam devis milfoje ĉesigi
Doloro postvivi al miaj Regnestroj!

Joado Per kia mirakl' vi ricevis pardonon?

Abnero Ĉielo nur konas ĉi koron kruelan!
Ŝi min alvenigis, kaj, plej ekscitata:
«Vi vidas, - ŝi diris, - soldatoj ĉirkaŭas
» Nun Templon; por venĝo mi ĝin bruligados,
» Kaj Dio Hum, kontraŭ mi ĝin ne defendos.
» Nun tamen, la Pastroj, (sed ili rapidu),
» Ebligos pardonon nur per du kondiĉoj:
» Jen: Ili liveru tuj Eliacinon,

„Kaj ankaŭ trezoron, pri kiu mi scias,
„Ke ili ĝin konas, ĝin jam kolektitan
„De Reĝo Davido, ĝin ankaŭ sekrete
„Konservas Ĉefpastro. Nun iru, kaj diru,
„Ke tiel al ili mi vivon toleros!"

Joado: Nu! Kian konsilon, Abnero, vi sekvos?

Abnero: Tutoron Davidan, se en realeco
Vi gardas sekrete Davidan trezoron,
Kaj ĉiujn riĉajojn, malofttajn objektojn
Savitajn de vi for avara Reĝino.
Fordonu. Ĉu volus vi, ke mortiguloj
Senhontaj, disrompu l'altaron, bruligu
Kerubojn, malpie forprenu Sanktkeston,
Per via mortig' malsanktigu Sanktejon?

Joaso: Abnero, ĉu decus al koroj plej noblaj
Liveri al morto malfortan infanon?
Lin, kiun Sinjor' mem al mi komisiis,
Kaj min elaĉeti per lia mortiĝo?

Abnero: Ve! Dio min juĝas. Ho volu l'Sinjoro
Ke knabon senkulpan Athaljo forgesu,
Kaj mia mortig' kvietigu venĝemon

Vekitan en ŝi de Ĉiel' minacanta!
Sed, ve, ĉu per penoj vi povos lin savi?
Vi ĉiuj pereos, li ankaŭ pereos!
Ĉu Dio ordonas elprovi neeblon?
Konforme al leĝo de Reĝo senkora,
Moison patrino forlasis sur Nilo;
Kaj, tuj de l'naskiĝo, li preskaŭ pereis.
Sed Dio lin gardis en mez' de danĝeroj,
Ĉe kiu tirano mem lin edukigis.
Ĉu scias vi, kion al Eliacino
L'Sinjoro rezervas? Ĉu Li ne decidis
Samsorton por li? Ĉu Li ne kompatigis
Kruelan ĉi mortigulinon de Reĝoj?
Ĉar, (kiel mi, ŝin Josabeto observis),
Jam ŝajnis, ke ankaŭ li ŝi kortuŝigis.
Mi vidis, ke ŝia koler' kvietiĝas.
(al Josabeto) Princino, en tia danĝer' vi silentas?
Nu? por ĉi infano, al vi tutfremdulo,
Vi lasus senfrukte mortigi Joadon,
Vin, filon, popolon; bruligi sotlokon,
El kie l'Sinjoro postulas alpreĝojn?

Pli, kion vi faras, se Reĝoj prapatroj
Postlasis infanon ĉi heredontulon?

Josabeto (mallaŭte al Joado) –
Vi vidas fervoron por sango de Reĝoj!
Ĉu vi ne parolos?

Joado Princin', ne jam tempo!

Abnero. Sinjoro, gravtempo nun, pli ol vi pensas!
Dum tie ĉi, vi por respondo diskutas,
Matano, sin ne detenante, postulas
Athaljon por vort' komenciga al fajroj.
Ĉu genufleksante mi devas petegi?
Je nom' de Sanktloko al vi rezervita,
Servura Sanktejo de Dia Majesto,
Nu, kiomajn ŝarĝaj kondiĉoj fariĝis,
Prigardu nin en surprizanta l'atako,
Min lasu pripensi dum tempo sufiĉa:
Ĉi nokton, ĝis morgaŭ, mi ĉion preparos
Por Templon defendi, kaj venĝi perfortojn!...
Sed, vo, mi ekvidas, ke ploroj, paroloj
Neniel efikas por vin plenkonvinki,
Neniel altrafas al via grandvirto!...

Nu, donu do al mi armilon aŭ glavon!
Ĉe pordo de l' Templ' malamik' min atendas.
Abnero, jes, mortu almenaŭ frapante!

Joado. Mi jesas, Abnero, ĉar via praviga
Konsilo kapablas forigi danĝerojn.
Tre vere, Davida trezor' al mi restas.
Mi devis fidele ĝin gardi. Ĝi estas
La lasta esper' de premitaj Hebreoj.
Plej zorge mi kaŝas ĝin. Sed, ĉar hodiaŭ
Al via Reĝino mi devas ĝin montri,
Por ŝin kontentigi tuj pord' malfermiĝos.
Ŝi venu kun siaj plej bravaj ĉefestroj.
Sed, ŝi ne permesu, ĉe sanktaj altaroj
Bruegan ĉeeston de tutfremdularo;
Por ke mi ne vidu rabadon de l' Templo.!
Ĉu pastroj, infanoj ŝin povus timigi?
Kun vi, ŝi decidu mem pri l' sekvantaro.
Pri tiu infan' al ŝi tiel terura
Mi konas justemon de koro Abnera;
Do, antaŭ ŝi, lian naskiĝon mi diros
Vi vidos ĉu al ŝi mi devas lin doni;

Vi jugos mem inter l'infan' kaj Athaljo.
Abnero Ha! lin jam mi volas protekti, Sinjoro.
Ne timu. Reiras mi al sendintino.

Sceno 3

Joado - Josabeto - Zakaro - Salomito - Ismaelo - Du Levidoj - Ĥoro.

Joado. Ho Dio! Jen Via limtempo! Jen venĝo!
Ismaelo, aŭskultu! (mallaŭte li parolas al li)
Josabeto Ĉielĉiopova!
Denove blindigu lin, kiel en tempo,
En kiu Vi, lian esperon trompante,
Al mi komisiis l'infanon vunditan!
Joado. Vi iru, prudenta Ismaelo, rapidu;
Kaj ĝuste plenumu ĉi gravajn ordonojn.
Precipe, dum lia eniro, trairo,
Nur estu ripozo kaj paco profunda.
(silente)
Infanoj, pretigu vi tronon por Reĝo
Joas'. Fideluloj lin sekvu. Princino,
Al la nutristino fidela alvoku,
Kaj viajn okulojn seniĝu je larmoj.
(al unu Levido) Kaj vi, tuj de kiam, maltime fiera,
Reĝino transpaŝos pordegon, kaj ŝi jam
Ne povos plu iri returnen, rapide

Vi eksonorigu batalan ŝofaron
Por ĵeti teruron ĉe la malamikojn;
Alvoku popolon por helpi al Reĝo,
Kriadu, ĝis kiam Reĝino mem aŭdos
Mirigan sciigon: « Joaso nun vivas! »
Jen li! (Joaso eniras).

Sceno 4

Joaso - Joado - Josabet - Zakaro - Salomito - Azariaso - Pastraro - Levidaro - Ĥoro -

Joado Sanktleviđoj kaj Pastroj de Dio,
Vi restu kaŝataj, ĉirkaŭu ĉi lokon.
Min lasu komandi sur via fervoro
Silentu, ĝis kiam mi mem vin alvokos.
(Ili ĉiuj sin kaŝas)
Ho Reĝo! ĉi tion vi povas esperi:
Ekvidos vi tuj l'malamikojn falintajn.
Ĉar tiu Reĝino ĉi, kies sangamo
Minacis al via junvivo, jus venis
Ĉi tien, ankoraŭ ŝi volas vin frapi!
Sed vi ŝin ne timu, kaj pensu ke apud
vi, kun ni stariĝas Anĝelo venĝonto.

Sidiĝu sur Tronon, kaj.... Sed jen pordego
Nun ekmalfermiĝas!.. Ho Reĝo, permesu,
Ke unu momenton, mi fermu Kurtenon!
(Li altiras la Kurtenon).
Princin', vi paliĝas!

Josabeto
Ha! Ne paliĝinte
Ĉu povas mi vidi, ke Templo pleniĝas
Je la mortiguloj? Ho, ĉu vi ne vidas
La multsekvantaron?...

Joado
Mi vidas, ke l'pordo
De sankta ĉi Templ' refermiĝas! Nun ĉio
Bonega!...

Sceno 5

Athaljo - Joaso (post Kurteno) Joado - Josabeto.
Abnero. Sekvantaro de Athaljo.

Athaljo
Jen estas do vi, delogisto!
(al Joado) Por ligoj, konspiroj danĝera vokisto!
Revisto, por via profit', el malordo!
Plejribelantulo al Reĝa Potenco!
Konfide vi kredis al Dio la Via!
Ĉu vi elreviĝis hodiaŭ?... Li lasas

Sub mia kontrovo kaj Templon kaj vin mem!
Sur via perbuĉa altar' mem, mi devus
Vin... Tamen, mi estos kontenta sufiĉe
Per donoj dicitaj! Plenumu promeson!
L'infano, l'trezoro de mi postulitaj....
Nu, kie do ili?....

Joado. Vi tuj kontentiĝos
Ĉar ambaŭ samtempe al vi mi prezentos!
Infano, glorfilo de Reĝoj, aperu!...

(Oni fortiras la kurtenon – Aperas Joaso sur Trono – Nutristino genufleksinta dekstre – Azariaso, ponardon en mano, staras maldekstre – Apud li, sur la tronŝtuparo Zakaro kaj Salomito genufleksis. Kelkaj Levidoj armitaj per glavoj enviciĝis sur la flankaĵoj de la Trono.).

Jen heredintul' de plej sankta el Reĝoj!
Reĝin', de l'ponardo rekonu postsignon!
Li via Reĝfilo, Okoziasido!
Popoloj, Abnero, rekonu Joason!

Abnero. Ĉielo!

Athaljo (al Joado). Perfida!

Joado. Jen vidu! Jen estas

Fidela ĉi hebreulin' nutristino
De Krab' fortirita el via buĉado!
Ĉar lin Josabeto forportis en Templon,
Lin Dio ĉi tie konservis, lin solan
Restaĵon ĉe mi el trezor' de Davido!

Athaljo Perfida! La trompo perdigos l'infanon!
Soldatoj! Forprenu l'fantomon malaman!...

Joado Pro Dio vivanta, Soldatoj! - Al Reĝo!....

Tuj malfermiĝas la malantaŭa parto de l'scenejo. Oni vidas intern[on] de Templo. Levidoj armitaj ĉirflanke eniras sur la scenejon.

Athaljo Mi... Kie?... Perfid'...! Ho reĝin' malfeliĉa!
El ĉie jen glavoj! Kaj jen malamikoj!....

Joado Senprukte vi ĉien rigardas! Nenie l
Vi povos forkuri; ĉar Di', ĉirflanke
Enfermis vin! Dio, pro viaj insultoj,
Fordonis vin al ni!... Nun antaŭ Li, estas
Momento kalkuli pri viaj sangverŝoj.

Athaljo Ve! Tim' rigidigis la miajn... malindajn!
Malbrava Abner', vi jus plektis kaptilon!...

Abnero Ho! Dio min juĝu, Reĝin'....

Athaljo Perfidulo!

Pri Dio la via... neniel parolu!...

Min vengu!...

Abnero. Al Kiu?- Al Reĝ'?... Al Joaso?...

Athaljo Li? Reĝo? Joaso?.. Pripensu, malnoblaj,

Pripensu, ke mi vin ankoraŭ sieĝas!....

Mi aŭdas... Soldatoj min laŭte aklamas...

Ja, ili alkuras por helpo... Tremegu,

Partio ribela!...

Sceno 6

Ismaelo-Joaso, Joado-Athaljo-Kaj ĉiuj en antaŭa sceno-

Ismaelo (al Joado) Sinjoro! Jen Templo

Libera! Ne estas plu da sieĝantoj.

Tremduloj forkuras, Hebreoj obeas!

Kiele la vento forblovas la fumon,

Tiele Dio ĉi malamikojn forpelis.

Kaj niaj Levidoj, sur sanktaj vestibloj

Aklamis la filon de Okoziaso,

Rakontis al gento pri lia juneco

(Rapozlio)

De glav' forkirita, kaj ankaŭ l' Kaptilon

En kiun jus falis filin' de Akabo.

Kaj ĉien samtempe ŝofaro sonis.

Sonoro kaj krioj iliaj mirigis
L'amaron, kaj, al ĝi, subite elvekis
Konfuzon, teruron similajn je tiuj
Vekitaj antaŭe jam de Gedeono
Al Madianito fiera! Nun, ĉiuj
Tiranoj forĵetis armilojn kaj ŝildojn;
Unuj forkuris per diaj irejoj,
Hebreoj, nur kelkaj timantaj, forkuris;
Sed plejmultanombro da ili admiris,
Ke Dio protektas Joason, kaj laŭte
Proklamis lin. Fine, per unu konsento,
Popol', maljunuloj, virinoj, infanoj,
Ŝin ĉirkaŭprenante, dankados kun ĝojo
L'Sinjoron, kaj kiun de Li alsenditan.
Nun ĉiuj virkantas al Filo Davida.
Kaj, pro malameg' al Baalo, disjetis
Pordegojn de lia novTemplo. Matano
Buĉiĝis ...

Athaljo Ho Dio Hebrea! Vi venkas!
Joas'!... jes li estas!.. Ve, vane mi serĉas
Min trompi! Mi lokon rekonas sur kiun

Mi iam ordonis por frapi. Jen estas
De Okoziaso samkorpon, samgeston!
Jes! Ĉio parolas pri l' sang' malamika!
Davido, Davido triumfas, kaj sola
Akab' detruiĝis! Ho Di' kormalbona,
Vi sola, Vi, ĉion fatale kondukis!
Ĉar Vi min kredigis pri venĝo facila!
Senĉese al mi mem Vi min kontraŭmetis;
Jen pri ĉi infano min bedaŭriganta,
Jen min delogante pri riĉaj trezoroj
De kiuj mi timis bruladon, rabadon!
Li reĝu do, tiu ĉi Filo, li via
Amata zorgato, klopoda celaĵo!
Kaj li por sciiĝi pri l' nova reĝeco,
En bruston avinan trapuŝu tranĉilon!
Ĉe l' morto, jen estas dezir' de l' patrino....
Deziro?... plimulte!... Mi volas, esperas,
(1) Ke li, ribelante al Via Potenco,
Li, laca obei al Via Leĝaro,
Fidela je sango Akaba kaj mia
Simila je avo kaj patr', abomena

---

(1) Ke li ribelante al Vi, malbona;

Filheredintul' de Davido, malhelpos
Al Viaj honoroj, renversos l'altaron
Por venĝ' de Athaljo, Akab', Jezabelo!...

(*Athaljo foriras - Levidoj sekvas ŝin*).

Joado
De tiu ĉi Templo, tuj ŝin vi forportu!
Sanktejon pli longe ŝi ne malsanktigu!
Nun, piaj venĝantoj de Princoj frapitaj,
Per ŝia mortigo ĉesigu iliajn
Venĝkriojn; kaj se maltimul' ŝin defendos,
Li estu, kun ŝi, tuj frapata per glavo!

Sceno 7

Joaso. Joado - Josabeto - Abnero - kaj ĉiuj samaj kiel en la antaŭa sceno.

Joaso (*malsupreniras de la trono*)
Ho Di'! Vi min vidas konfuza, malĝoja!
Detrunu for de mi malbenon avinan!
Neniam permesu, ke ĝi plenumiĝas!
Ja, mortu Joas', sed li Vin ne forgesu!

Joado (*al Levidoj*)
Alvoku la genton; ĝi Reĝon ekkonu
Kaj venu ĉi tien al li fidelĵuri!
Ho Reĝo! Pastraro, popolo, ni ĉiuj

Dankege prikantu Jakoban Kunligon
Kun Di'; ni penkeme pro niaj eraroj
Religu nin al Li per novaj ĵejuroj!
Abner', nun reiru al Reĝo!

Sceno 8

Joado - Unu Levido - Joaso - Kaj ĉiuj, kiel en la antaŭa sceno.)

Joado (al la Levido) Nu? Ĉu de
Ĉi malpiulino vi punis maltimon?

Levido Ĝia glavo elvenĝis vivdaŭrajn mortigojn;
Kaj Jerusalem' tro longtempe premita,
De jugo malama nun liberigita,
Ĝojege ŝin vidas en sango banantan!

Joado Per mort' ĉi teruna, punego pro l'krimoj,
Ekscio, ho Reĝo Hebrea, neniam
Forgesu, ke sidas sur Tron' de Ĉielo
Juĝonto severa al Reĝoj, venĝonto
Por piaj infanoj, kaj Patro por orfoj.

---

Fino.

# Takta Teksto.

Muzikverko de Mendelssohn (Chor und Orchester)
Choeurs d'Athalie - Musik zu Athalia
Peters'a eldono - Leipzig

N.B. - Ciferoj montras la paĝojn - Signoj || finas la liniojn.

Akto I. Sceno 4.

10 Pleniĝis Univers' je Lia Grande||eco. Ni adoru al Di', ni ĉiam alvoku Lin. Lia Povo el ||tempoj pli antaŭe stariĝis. Pridank' kaj prikant', pri-||

11 kantego al Di'. Prikant', prikantego al Di-, Per||fort' maljusta ne kapablus por tendi la si-||lenton al la popol' laŭdanta. Al Nom' de || Di' ne estos fin' Sciigas tag' al tag' Li-||

12 an gloran Potencon. Sciigas tag' al tag' Li-||an gloran Potencon. Pleniĝis Univers' je ||Lia grandegeco. Prikant' kaj pridank', kaj pri-|| kanteg' al Di'. Pleniĝis Univers' je Lia grandegeco. Pri-||

13 dank', prikant', prikanteg', Pridank', Prikant', Prikantego-pri-|| kantego, prikantego al Di'. Li al floroj disdonas belkolorojn. Li kreas fruktojn por elkresk' kaj maturiĝ'. Li super||

14 verŝas, kun justa mezuro, kaj la varmon dum tag' || kaj mal-varmon dum nokto, kaj kamp' ricevinta fariĝas pli frukt-||tiga, ricevinta fariĝas pli fruktiga. Li ordonis, ke || sun' brilu sur la Naturo, kaj la Lumon Li || Donacis al homar',

Sed Lia Leĝo santkta kaj ‖

15 Pura, jen la plej riĉa don' de Dio al homar', la plej ‖ riĉa don'
de Dio al homar'. Ho Monto de Sina' ‖ Vi gardu la memo-
ron, pri tiu ĉi tag' por ĉiam ‖

16 Miriga pro glore', kiam sur ‖ Via fajra supr', en densa nub' ‖
Al ni la Sinjor' montris sin, lumigis al homar' ‖ Per radi' de
Sia Gloro ‖

17 Pro kia kaŭz' ĉi fajroj kaj ĉi fulm', kaj ĉi ‖ fumamaseg'
kaj ĉi bru' en aer', ĉi trb-‖ sonoj, kaj ĉi tondregoj. Ĉu venis
renver ‖ si Li ordon de la Mond', aŭ sur malnova fundament'
Ĉu venis ‖

18 Li skui la Teron. Ĉu venis Li ‖ skui la Teron. Venis Li montri
al la hebrea idar' ‖ de Lia santkta Leĝ' la sennmortan
brilan lumon. Venis Li al feli-‖

19 Ĉa gent', ordoni por ke ĝi amu Lin per amego eter-‖
na - Don' de Dio, bela, ĉarma Leĝ', Ho justeco ‖
Ho pleja feliĉo. Kiom da kaŭz' kia dolĉa ple-‖

20 zuro, aliĝi al Dio kun ameg' kaj kun fid'. De ‖ truda
jug' savis Li prapatrojn. El nutris ilin Li ‖ per pan' en
dezerto. Li montras pri Leĝar' ‖ Li pardonas eĉ Sin Mem,
Pro kia don' Li postulas nur amon ‖

21 Don' de Dio, bela, ĉarma Leĝ'.. Disigis Li la ‖ akvojn de
la mar'. Kaj river' ŝprucas por el senakva ‖ ŝtoneg'. Li
montras pri Leĝar', Li pardonas eĉ Sin Mem, pro tia ‖
don', Li de ni postulas nur an ‖

22 mon. Don' de Dio, bela ĉarma leĝo. Ho justeco || Ho pleja feliĉ.
Kiom da kaŭz, kia dolĉa plezuro || Aliĝi al Dio, kun ||
23 amego, kaj kun fid'-aliĝi al Di' kun amo kaj fid' - Vi ||
Kiuj konas nur demon sklavecon - Maldankaj ĉu do Di' ne ||
Sovas ĉarmi vin ĉudo al via koz', ĉu estas malfacile, kaj ĉu ||
24 perige ami lin. La sklavo || kiuas tiranon fieran, sed infa-
nas' kun || Patroj agas perami'. Vi volas, ke Di' estu || via
bonfarant', kaj, vi, lin ne amas ||
25 Kaj vi lin ne amas, lin ne amas, kaj || Vi lin neamas.
Don' de Dio, bela, ĉarma leĝo ||
26 Ho justeco, ho pleja feliĉo. Kiom da kaŭz', kiel dolĉa ||
plezuro, aliĝi al || Dio kun amego kaj kun fid', aliĝi
kun amego kaj ||
27 Kun fid'-aliĝi al Dio, al || Dio kun ameg', a-|| liĝi
al Dio kun ameg' kaj kun ||
28 fid'- jes, aliĝi al || Dio kun ameg' kaj kun fid'-aliĝi
al Dio kun ameg' kaj || kun fid', kun ameg' kaj kun ||
29 fid'. Plenigis univers' je lia grande-|geco. Ni adoru
al Di', ni ĉiam alvoku lin || Ĉiam alvoku lin ||

## Akto II. Sceno 9

30 Al ni kia astro ekbrilas, kia estos infan' kiu ĉi || Miriga-
li mokas vantaĵn honorojn, kaj li venis dilo || gijas por

la pereiga plezur'. Kiam al Dio de Athaljo || altiras ĉiuj
por preĝi; jen infan' kuraĝa prokla- || mas, ke sole
eterna estas Di', kaj parolas kiel E. ||
31 Ĉio, ankaŭ la nova Jezabel'. Kiu diros al ni pri l'naskiĝo
se- || kreta? Ĉu, infan', vi naskiĝis de sankta profeto. Kiel
jam estis nokta || Samuel', jam kreskinta ĉe sanktaltar',
li fariĝis hebrea esper' ora- || kolo, estu vi kiel li konsol'
de Izrael'. Ho feliĉa estas in- ||
32 fan'. Ho feliĉa infan', kiun la Sinjoro || amas. Tia infan' tuj
de l'junec' ekaŭskultas al parolantan || Dion. Li grandiĝas
for mond', kaj ĉielaj dona- || coj beligas lin tuj de l'naskiĝo.
Neniel al lia senkulpec' ||
33 Altrafas la malbonula tuŝo. Feliĉa infanaro, ĝin instru ||
as Sinjor', ĝin li ankaŭ protektas. Kiel en silenta ||
34 valo, sur la bord' de river eto pura, kreskas for de la vent || ego
lilia flor', juna, brila tra la || Naturo, ho feliĉa estas infan', ho fe ||
35 liĉa infan', kiun la Sinjoro amas; tuj de junec', li obeas al ||
leĝ'. Dian parolon li aŭdas. Ho feli- ||
36 ĉega la infan', Ho feliĉega la infan', Ho feliĉega la infan' ||
Ho feliĉega la infan' ||
37 Ho Di', tra kiom da danĝeroj, juna koz' de infan' || iras por
paŝ' malcerta. Kiom animo pia || kaj vere Vin amanta,
trovas mathal- || non al sia vol'. Malamikoj al ĝi atakas ||
kie kaŝas sin sanktuloj. Pekuloj ko- ||
38 vras la Teron. Kovras la Teron || Ho Palac' de David', Ho vi kara

Sion', glora Mont', kie jam || Logadis Dio Mem, kiel de la Ĉiel' vi
elvekis ko-|| keron. Sion', kara Sion', vi mizegu je vid', || de
fremdulin' tia, ve, sidiĝanta sur via reĝa ||
39 Tron'. Sion', kara Sion', vi mizegu je vid' de fremdulin' || tia,
ve, sidiĝanta sur via reĝa Tron'. Amataŭ la dolĉa kan-||
40 tad' per kiu David' jam tradukis zavadojn per prilaŭdad' ||
al Di', al Sinjoro, al Patro, Sion' kara Sion', vi mi-|| zegu je
aŭd' de dank' al Di' de malpia fremdul' ||
41 kaj blasfemo al Nom' de plej amata Di'. Sion'. Kara Si-||
on', vi mizegu je vid' de tia frem-||
42 dulino. Ho ve sidas ŝi sur via reĝa || Tron'. Ĉu longe Ho Sinjor',
Ĉu || longe mi ankoraŭ vidos, ke, kontraŭ Vi, mokas malbonular' ||
43 Ĝis en Via Sankta Templo || Ili insultas Vin, Ĝis en Via Sankta || Templo
ili insultas Vin, kaj taksas malsaĝul' pro-|| polon vin preĝantan.
Ĉu longe, Ho Sinjor', ĉu longe mi ankoraŭ ||
44 Vidos, ke mokas malbonular'!? Diras malbonular' || Kia
profit' el via detemiĝo. De || tiom da dolĉaĵoj, vi forlasas
la u-|| zadon. Via Di' ne agas por vi, kun ĝoja kant', diras a-
45 naro tiu ĉi malfidela. De flor' al || flor', de plezur' al plezur',
flirtu via deziŕ; poi estos || ke malsaĝul' nun alfidas.
De la viv' sur la Ter', mal || certa la longec'. Rapide serĉu
mi por pra|| fiki je l'vivo. Mister', mister', ĉu mi vivados ||
46 Pli. Sinjor', Sinjor', Si-|| njor, ĉu vin mokos la malbonular' ||
Ĉu vin mokos la malbonular'.. Ĝi ||

47 Plorадu, Ho ‖ Di; Ĝi ‖ tremegu pro ti ‖ mo mal-
bonular ‖

48 Malbonular ‖ Ĝi de sankta Para- ‖ diz', ne rigardo ‖
tra sentiz' radiar' ‖

49 Devas ni prikanti; ĉar al ni Vi promesis Vi- ‖ ajn
senfinajn lumojn; kantu ni pri bonfar', kaj pri Via
grand- ‖ ec'. El tiu vantaĵar' tiel ‖

50 alloganta koron, nur restos elreviĝ' post el- ‖
flugo de sonĝo; venos la tag', Ho ‖ terura vekiĝ';
dum al Via tablo la ‖ malriĉul' ĝuos, ĉe via pać,
je plezur' la plej ‖

51 dolĉa, krimu- ‖ lar' trinkos el pokalo ne elĉer- ‖
pebla, ĝin Vi prezentos mem en ‖ tag' de la Koler',
al tuta ĉi raso da kulpu- ‖

52 loj - Ho terura vekiĝ'; Ho sonĝo maldaŭ- ‖ rega;
Ho terura vekiĝo; Danĝera ho erar' ‖

AKTO III. Sceno 7

53 Ni aŭskultu la voĉ' ‖ on de l' Sinjoro; Lia Pa- ‖

54 rol' estu al nia ‖ kor', kiel al la plej nova ‖

55 herb', en la printemp' ‖ estas la matenroso, en la
printemp' estas la ma- ‖

56. Tenoro ||

56-60 = Simfonio.

Sceno 8

61. Ho promes', ho minac', ho nekomprenebla || mistero.
La malbon' kaj la bon' sinsekve montras || sin.
Kiel eble, kun tiom da kolero, miksos sin kia ||
am'? Kiel eble kun tiom da kolero, miksos sin kia ||

62. am'? Ho promes, ho minac', ho profunda miste-||
ro! Sion ne estos plu, kaj flamo krue || leka bru-
ligados ornamaĵojn. Di' || helpos al Sion', daŭro
por ĝi promes'. Li ||

63. a Parol' Eterna. Mi vidas; tuta || bril' mala-
peras tuj de mi, tuj de || mi. Mi miras pri la || bril'
de ĝia radieco. Sub terura mallum' ||

64. Sion' jus kaŝis sin, ve! Si- || on' jus kaŝis sin, ve!
Sion' ĝia || frunt' en ĉiel', en ĉiel'. Mal- ||

65. goja ho dafal'. Kia senmorta glorog'. Kia || kri' de
dolor'. Kia kant' de triumfo. Kia || kri' de dolor'.
Kia kri' de dolor' ||

66. de dolor'. Kia kri'. Kia kri'. Kia kant', kia || kant'.
Sion' ne estos plu, kaj flamo kru- ||

67. elega bruligados orna || mojn. Kia Kri', Kia kri' de dolor' ||
68. Ho Promes', ho miriac', ho nekomprenebla mistero!
Trank-|| vilaj estu ni. Nia Di', son prokrasto montros ||
Al ni tiun misteron. Ni' tima Lin pro l'Koler' ||
69. Esperu, esperu pro Lia am'. De koro pia, ho || Di', ĉu
forigus la pac'. Ĝi serĉas ĉiam vian plej santktan ||
70. Volon. serĉas neniam sin mem, serĉas neniam sin ||
mem. Sur la Ter', kaj en la Ĉiel' mem, ĉu estas feli. ||
Ĉeg' pli granda ol la trankvila pac' de pia koro, de ||
71. Koro, ol la trankvila pac' de pia Ko-||ro. Sur la Ter',
Kaj en la Ĉiel' mem, ĉu estas feli- ||
72. Ĉeg' pli granda ol la trankvila pac' de pia Koro, de Ko-||
ro, pli granda ol la trankvila pac' de pia Kor', de ||
73 pia, de pia Kor' pia.

73-76 (*Marŝo de Pastroj'*)

## Akto IV Sceno 6.

77. Vi for, vi for, Idoj de Aa-||ron'. Pli granda
motivo neniam ekmovigis viajn prapatrojn ||
For, vi for iru Idoj, iru, iru, iru || Idoj de
Aaron'. Por via Reĝ', por Di' Mem, vi ||

78 Ĝeras vin. Por Di' vi ĝeras vin. Vi, for || Idoj de Aaron'. Por Di', por Di' vi ĝeras || vin. Por Di', por Di', vi ĝeras vin, Por ||

79 Di', vi ĝeras vin || Vi for, vi for, Idoj de Aaron', Vi For || Vi, for. ||

80 Kie nun viaj frapegoj. Ho Di' en la justa Kolero'? || Ĉu vi ne plu jaluza Di'. Ĉu vi ne plu Dio de venĝeg'. || Ho Dio de Jakob', refavoru al ni. En ĉi tiu || malfeliĉego; car ni ofendis Vin, vi senkulpigu nin || Ĉu Vi ne plu Di', plu la Dio de l' pardono. Ho Dio de Ja- ||

81 Kob' refavoru al ni. Al vi mem nun volas altrafi, pro || Troa malpiec', tiuj malbonuloj. Ili diras: Ja ĉe || su la festoj al Di' sur la Tero Lia Trudanta || juĝ' foriĝu el homar'. Bruliĝu la Sankt || ular', renversiĝu l'altar'. Pri Lia Nom', pri Lia ||

82 Gloro, plu ne restu la memoro, plu ne || restu la memoro; Kaj nek Li mem nek Krist' re || gadu plu sur ni; Kaj nek Li mem nek Krist' ne regadu plu sur ni || Ho Dio de Jakob', refavoru al ni, refavoru al ni || Kie nun Viaj frapegoj, Ho Di' en la justa Kolero'. Ĉu vi ne ||

83 plu jaluza Di'; ĉu vi ne plu Dio de venĝeg'. Sinjor' ||
Malforta heredontul', lasta kaj kareja princ' de tiel
glora reĝaro, ho || ve, ĉu sub tranĉil' de patrino kru-||
ela. ni vidos fali vin || tiun ĉi duan fojon. Al ni diru,
ho princ', ĉu Anĝel', ĉu lu-||
84 lil', per sia flugilo defendis vian vivon, aŭ || ĉu el la nigra
tombej', la Voĉo de l' Sinjoro vivigu viajn || cindrojn.
Ho Dio ĉu al li vi faros revenĝojn pro la malfide-||
lec' de lia famili'. Ĉu do vi nun senkompat', ĉu do vi ||
85 nun senpardon'. Ĉu do vi senpar-||dono. Ĉu do vi sen
pardono. Sin || jor' pardonu. Sin-||
86 jor' pardonu. Ĉu vi ne plu jaluza Di' || Ĉu vi ne plu
Dio de l' pardon'?||

## Ĥoro fina.

87 Plenigis Univers' jo Lia grandegeco. Ni adoru al
Di', ni ĉi-||am alvoku Lin. Ni adoru al Dio, kun
alvokoj al Li.||
88 Ni adoru al Dio per alvok' kaj preĝad' || Ni adoru
al Di' per alvok' kaj preĝad', Ni || alvoku, ni alvoku,
ni alvoku, alvoku al Di'!

---

## Fino.